

N-ro 1 - 2006.07.29

# Florenca Lílio

KURIERO DE LA 91A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## Bonvenon!

Post 51 jaroj dum kiuj ĝi trairis ĉiujn kontinentojn, la mirinda evento de la UK denove okazas en Italio. La itala movado fieras gastigi la tutmondajn esperantistojn, kaj bondeziras al ili tutagrablan kongresumadon.

---

*Prelude al la U.K. okazis altnivela stiudotago pri elstara lingvisto-esperantisto*

## MIGLIORINI HONORATA EN LA UNIVERSITATO DE FLORENCO

**Florenco, 28an de julio.** Okazis hodiaŭ ĉe la Fakultato pri beletro de la Universitato de Florenco la studoago memore pri Bruno Migliorini: "vojoj de interlingvistiko: ekde Bruno Migliorini ĝis hodiaŭ", enkonduka evento por la 91a UK.

La studotagon aranĝis la Akademio de Esperanto, la Akademio della Crusca, la Universitato de Florenco kaj Akademio Internacia de la Sciencoj Sanmarino.

Post la enkondukaj vortoj de Francesco Sabatini (la prezidanto de la Akademio de la Crusca), intervenis profesoroj Carlo Minnaja (Universitato de Padovo, IT), Fabrizio Pennacchietti (Universitato de Torino, IT), Humphrey Tonkin (Universitato de Hartford, US), Geraldo Mattos (Universitato Uniandrade, BR), Mukunda Phatik (Universitato de Katmandu, Nepalo), Aleksander Melnikov (Akademio pri Agrikultura Mekaniko de Rostov, RUS), Mauro La Torre (3a Universitato de Romo, IT), Giordano Formizzi (Universito de Verono, IT), Amri Wandel (Hebrea Universitato de Jerusalemo, IS) kaj Renato Corsetti (Universitato La Sapienza de Romo, IT); oni krome prezentis la studojn de Tullio De Mauro (Universitato La Sapienza de Romo, IT) pri "Migliorini homo, lingvisto kaj esperantisto" kaj Nico Sica (Universitato Bicocca de Milano, IT) pri interlingvistika planado.

Partoprenis en la kolokvo ankaŭ Paolo Migliorini, filo de la fama lingvisto kaj esperantisto, kiu trajtis la figuron de sia patro, memorigante interalie la fakton, ke lia eniro en la universitatan mondon koincidis kun la foiriro el la esperantista medio. Sed Paŭlo mem povis malkovri detalojn, kiujn li ne konis: ekzemple, li eksciis informojn pri la korespondado de sia patro kun Giuseppe Peano, fama matematikisto, kiu – aldone al aksiomoj pri naturaj numeroj – kreis lingvon "Latino sine flexione" (ĝi estas simpligita latina lingvo – projekto de internacia lingvo).



La ĉeestantaro aparte interesiĝis pri la ĵurnaloj montritaj de prof-ro Minnaja kiuj atestas pri la rapideco per kiu la 16-jaraĝa Migliorini ellernis Esperanton: la 14an de januaro 1913 li vizitis sian unuan prelegon pri Esperanto kaj nur 10 tagojn poste oni informis en la itala E-revuo, ke li instruis Esperanton.

Fine de la kolokvo, prof-ro Giordano Formizzi levis elkoran alvokon favore al la instruo de Esperanto en la lernejoj, lingvo facila kaj neŭtrala kompare kun la kultura kolonizado de la angla.

**SALONO ZAMENHOF**

la ejo de la inaŭguro

DIMANĈE LA 30an de JULIO

10a horo

troviĝas ĉe

la strato malantaŭ la Kongresejo

Bonvolu ĉirkaŭi la dom-blokon

por atingi ĝin.

*Malmultaj scias, ke la **infanaj kongresetoj**, unu el la plej amataj tradiciaj eroj de la UK-oj, naskiĝis precize antaŭ duona jarcento, en Kopenhago en 1956, kaj festas nun sian oran jubileon. **Giancarlo Fighiera**, kiu lanĉis la iniciaton, raportas pri ĝia komenco kaj pluevoluoj.*

## 50 JAROJ DA JUNECO: LA INFANA KONGRESETO JUBILEAS (1956-2006)

La nun duonjarcentaj Internaciaj Infanaj Kongresetoj (IIK) naskiĝis en Kopenhago en 1956, okaze de la 41-a Universala Kongreso de Esperanto (UK) danke al kunfluo de kelkaj favoraj cirkonstancoj.

Ek de la komenco la kongresprepara periodo, loka entuziasma esperantistino, kiu direktis infanĝardenon en apuda urbeto, Karen Bjørnsby, petis min, tiam Konstanta Kongresa Sekretariio (KKS), instrui Esperanton al la de ŝi prizorgataj infanoj; en tiu momento mi hazarde eksciis, ke la samjara SAT-kongreso anoncis "geknaban kongreseton". El tiuj du supraj elementoj fontis ĉe mi la ideo kunigi niajn UK-etulojn inter 6 kaj 13 jaroj konantajn Esperanton en propra kunestado, nomita IIK. La aranĝo estis elpensita simple kiel plia tiujara kongresa programo.

De 1956 ĝis hodiaŭ la IIK ripetiĝis ĉiujare, kun okfoja escepto, grandparte en neeŭropaj landoj: Tokio, Roterdamo, Portlando, Ateno, Rejkjavik, Pekino, Kubo, Seulo.

La unua IIK okazis apud Kopenhago (Hellerup) en la infanĝardeno de Karen Bjørnsby, kiu prizorgis dekkvinon da IIK-partoprenantoj. En la sekvantaj jaroj la infanojn gastigis lernejoj, kulturdomoj, ĉemara fericentro, skolta arbara vilaĝo, loĝkolonio, domo de la Ruĝa Kruco (Stokholmo), junulargastejo: plejofte for de la kongresa urbo en natura cirkaŭaĵo.

En la postaj IIK la baza infana aĝo restis senŝanĝa, escepte ol en 1971, kiam oni eksperimentis novan grupon por 14-16 jaruloj. La provo malsukcesis, ĉar la pliaĝuloj bezonus apartajn ejon kaj programon. Restis tra la jaroj ankaŭ la kutimo peti la gepatrojn skribe konfirmi sufiĉan bazan lingvokonon de siaj gefiloj. Ja, la nivelo de la lingvokono montriĝis daŭre unu el la ĉefaj demandoj de la IIK, kiu ne celas funkcii kiel multlingva infanvartejo, sed volas krei unikan okazon, en kiu diverslingvaj infanoj komunikas inter si en komuna lingvo.

Por mildigi financajn malfacilaĵojn, naskiĝis sinsekve la kategorio "Adoptaj Gepatroj" kaj la kongreseta donac-kaso, kiuj intencis kovri la vetur- kaj restad-kostojn de infanoj el nepagipovaj familioj. La kotizo de la IIK evoluis dum la tempo: eĉ konsiderante la inflacion kaj la malvaloriĝo de kelkaj devizoj, ŝajnas, ke en iuj periodoj la kotizo nenormale galopis.

La nombro de registritaj infanoj multe variis de jaro aŭ jaro, ankaŭ depende de la partopren-kvoto el la kongres- kaj najbaraj landoj. La minimumo okazis en Marseille (14 infanoj), la maksimumo en Budapeŝto (88). Same, la reprezentitaj landoj altalenis de 4 (Marsejlo) ĝis 23 (Ausburgo). Rimarkinda estas la sindediĉo de la gvidantoj kaj helpantoj (en Londono eĉ 14) de la aranĝoj: kelkfoje temis pri tuta stabo da diverslandaj profesiaj edukistoj Karen Bjørnsby (Danlando) deĵoris dum la du UK en Kopenhago, Willi Brandenburg (Germanio) gvidis du IIK-ojn: la rekordo apartenas al Ch. Fettes (Irlando) kaj al la edzino Helen Fantom, kiuj prizorgis almenaŭ kvar kongresetojn.

Pri la jubilea nunjare en Florenco okazanta Infana Kongreseto, kiu arigas tridekon da etuloj, respondecas Bert Schuman (Francio) kaj Leonardo Pampaloni (Italio).

## Ĝisdate pri la programo:



**LA UNUAJ DU TAGOJ DE LA INFANA KONGRESETO 2006 - DIMANĈE** oni vizitos bestojn en Centro pri Naturaj Sciencoj, poste oni desegnos pri naturo kaj ekologio. Kimie Markarian gvidos kurson pri Sorobano (japana abako). **LUNDE:** la Infankongreseto vizitos Florencon. Trajno el Prato alvenos je 9h52 aŭ 10h21. Por renkonti kaj akompani ilin, atendu de 10a ĝis 10h30 en stacidomo antaŭ apoteko ("farmacia"). En Palaco Vecchio skabeno akceptos la infanojn. En parko ni piknikos. Ĉirkaŭ 16a ĝis 18a horo ni estos en UKejo por renkonti niajn gepatrojn.

### Aŭtoraj duonhoroj (v. KL paĝo 42)

**sabate la 29an de julio**
**16.00 -17.00** -Italaj tradukintoj de ĵus aperintaj verkoj *(Carlo Minnaja, Johano-Karlo Rinaldo, kaj eble aliaj)*

**dimanĉe la 30an de julio**
**15.30 -16.00** Humphrey Tonkin pri la traduko de *La vintra fabelo*
**16.00 -16.30** Peter Balasz, filmo pri *Vizito al la Centra Oficejo*

**lunde la 31an de julio**
**10.30 -11.00** Amri Wandel: *la nova IKU-libro* - **16.00 -16.30** Tomasz Chmielik: *La Alia Venecio*, kaj aliaj tradukoj aŭ verkoj - **16.30 -17.00** Anna Maria dall' Olio: *Tabelo*

**marde la 1an de aŭgusto**
**10.30 -11.00** Andreas Kunzli: *Svisa Enciklopedio Planlingva*
**11.00 -11.30** Miguel Gutiérrez Aduriz : *Sferoj*
**16.00 -16.30** Spomenka Stimec: *Hodler en Mostar*
**16.30 -17.00** Josip Pleadin: *Ordeno de verda plumo*

**ĵaŭde la 3an de aŭgusto**
**10.30 -11.00** Paul Gubbins: novaj teatraĵoj prezentataj dum la UK
**11.00 -11.30** Peter Balasz: DVD *Esperanto Elektronike*
**16.30 -17.30** "Japana horo", kiam japanaj aŭtoroj renkontas sian publikon: *16.30 -17.00* Sibayama Zyun'iti (kaj aliaj): *Esperanto-Japana Vortaro* - *17.00 -17.30* Hori Jasuo: *Raportoj el Japanio*

**vendrede la 4an de aŭgusto**
**10.30 -11.00** Bertil Wennergren: *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*
**16.30 -17.00** Carlo Minnaja, Anatolo Ŝejpak: *Populare pri historio de la sciencoj kaj teknikoj*
**17.00 -17.30** Karen Pereira kaj Joe Bazilio: filmo pri *Gerda malaperis*

### ŜANĜOJ

La prelego de Andreas Kuenzli pri Zamenhof kaj la 2a UK ne okazos dimanĉon, la 30an de julio, sed **vendredon, la 4an de aŭgusto**, je 9h00 ĝis 10h30 en salono Minnaja.

La jarkunveno de la Internacia Naturkuraca Asocio (INA) okazos **dimanĉon, la 30an de julio**, je 13h00 ĝis 13h45 en salono Minnaja.

La kunsido de la ELEKTA KOMISIONO (**lundon, la 31an de julio, je 16h30** en salono Marignon). estos PUBLIKA. Jen Via ŝanco esprimi Viajn opiniojn pri la dezirinda kunmeto de la Estraro, elektota en 2007.

## Survoje al la Kongreso



*La ambasadoro de Italio en Litovio, Giulio Prigioni, membro de la honora komitato de nia Kongreso, akceptis la 12an de julio ĉiujn litovajn delegitojn de la 91a UK, per regalo en la nova sidejo de la itala ambasadorejo en Vilnius.*

El la 57 litovaj samideanoj kiuj aliĝis al la florenca UK, pli ol 40 el la tuta lando partoprenis en la renkontiĝo, dum kiu ĉeestis ankaŭ la ambasadorino de Belgio.

La itala ambasadoro salutis siajn gastojn per paroladeto en perfekta Esperanto: *"Ĉiam estas afable por mi akcepti en tiu ĉi nova eta anguleto de Italio en Vilnius delegacion de esperantistoj, kiuj baldaŭ veturos al Universala kongreso en Florenco. Kiel mi jam esprimis en mia parolo pasintjare, mi forte estimas tiujn, kiuj sinofere tamen kun granda entuziasmo komencis lerni komunan por ĉiuj popoloj lingvon en la spirito de frateco kaj reciproka kompreniĝo. Esperanto estas viva lingvo, kies kono devas disvastiĝi, ĉar ĝi estas sola lingvo, komuna por ĉiuj kulturoj. Mi estas certa, ke en Florenco via entuziasmo spertos novan impulson. Florenco estas urbo, kiu ĉiam, sed aparte dum Renesanca periodo, estis kultura centro de la homaro. Kulturo disvastiĝas kaj fortiĝas nur tiam, kiam ĝi reprezentas laŭeble la plej multajn diversajn popolkulturojn kaj uzas komunan kaj por ĉiuj facile kompreneblan kaj akcepteblan lingvon. Ankaŭ hodiaŭ Florenco prezentas triumfon de klasika beleco kaj laŭdas specifecon de nova lingvo, kiu ĝin resumas. Mi estas certa, ke en Florenco vi, karaj geamikoj, sentos vin kvazaŭ hejme, en Litovio, kaj scipovos dece pritaksi kaj helpos al aliaj pritaksi tiun kulturon, kiun litovoj kaj italoj devigis sin defendi en la mondo. Mi sincere deziras bonan vojaĝon por vi. Fruktodonan laboron kaj afablan restadon en Florenco.* Povilas Jegorovas, prezidanto de LEA, donacis al la ambasadoro du librojn tradukitajn en la itala kaj eldonitajn de la ŝtata presejo Spyndulis: 'La danĝera lingvo' de Ulrich Lins kaj 'La nova realismo' de Bruno Vogelmann.

## La kongresa simbolo




*La vizaĝo de Davido, kiel ĝin skulptis Mikelanĝelo, estas la bildo elektita por la "logoo" de la 91a UK.*
*Jen malgranda historio de la statuo.*

Mikelanĝelo (itale : Michelangelo Buonarroti [mi-kel-án-ĝe-lo bŭon-ar-ro-ti], 6a de marto 1475 - 18a de februaro 1564), estis itala renesanca skulptisto, pentristo, arkitekto kaj poeto. Per lia verkaro kulminis la renesanco kaj komenciĝis la baroko. Li devenis el Florenco, sed multajn verkojn kreis en Romo servante al pluraj papoj.

Lia statuo de Davido, estas taksata ĉefverko de la renesanca skulptarto (iuj artistoj kaj arthistoriistoj eĉ diras, ke ĝi estas la plej bela artaĵo iam farita de homo). La statuo montras Davido'n momenton antaŭ ol ataki Goljato'n (la rakonto estas en la Biblio, unua libro de Samuelo, ĉapitro 17).

La statuo - alta 5,17 metrojn - havas interesan historion. Jam de pli ol 40 jaroj granda marmora peco estis je dispono: kelkaj artistoj provis realigi per ĝi statuon sed sensukcese, kaj la marmoro sekve prezentis la signojn de la pluraj eksperimentoj (i.a, granda fendo); plie, oni taksis, ke la ŝtono estis tro malkompakta kaj ke sekve la statuo-kruroj ne povus elteni la pezon de la tutaĵo. La marmoraĵo restis do forgesita dum jaroj en malfermita spaco, korodita de la tempopaso ĝis kiam, en 1501, Mikelanĝelo akceptis la "defion" realigi per ĝi la Davido'n. Lia laboro finiĝis tri jarojn poste, en 1504: por transporti la kolosan statuon necesis 4 tagoj, kaj dum la transporto ĝi estis ŝtonumita de ribeluloj (Mikelanĝelo surloke prizorgis tuj la forigon de la batsignoj). Dum la tumultoj de 1527 la statuo estis denove grave damaĝita: la maldekstra brako estis rompita en tri pecojn kaj la ŝtonĵetilo estis difektita: ankoraŭ hodiaŭ oni povas konstati la signojn de tiu evento. Dum la jarcentoj, la statuo suferis aliajn damaĝojn pro atakoj, meteologiaj kondiĉoj kaj (nekredeble sed vere) ankaŭ pro malbona restaŭrado. En 1872 oni decidis transporti ĝin el la placo sub tegmenton, en la Galerio de la Akademio. Tiu en placo della Signoria estas kopio.

---

**<u>Reduktitaj prezoj en la komunumaj muzeoj de Florenco</u>**

*Oni proponas al vi viziton al la muzeoj kaj partoprenon en la aktivecoj "Emocioj de muzeo" je favora tarifo se vi montras ĉe la kaso vian kongresan insignon.*

**Palazzo Vecchio – Monumentaj kvartaloj – PIAZZA DELLA SIGNORIA**
Horaro: Ĉiutage 09.00 – 19.00 escepte de ĵaŭdo (09.00 – 14.00)
Unupersona bileto kiu validas por vizito al la monumentaj kvartaloj <u>aŭ</u> por la partopreno en unu el la aktivecoj "Emocioj de muzeo": **EUR 2,00 -** Vizito kaj unu aktiveco: **EUR 3,00**
*La aktivecoj okazas ankaŭ en la angla kaj, laŭ mendo, en la franca kaj la hispana.*

**Cappella Brancacci in Santa Maria del Carmine – PIAZZA DEL CARMINE (preter la rivero)**
Horaro: Ĉiutage 10.00 – 17.00 escepte de dimanĉo (13.00 – 17.00) kaj mardo (fermita)
Unupersona bileto por vizito al la Kapelo kaj spektado de la videodiska filmo "L'occhio di Masaccio" ("La okulo de Masaccio"): **EUR 1,50**

**Muzeo kaj monumentaj klostroj di Santa Maria Novella – PIAZZA SANTA MARIA NOVELLA**
Horaro: Ĉiutage 09.00 – 17.00 escepte de vendredo kaj dimanĉo (fermita)
Unupersona bileto: **EUR 1,00**

*<u>Informoj kaj antaŭmendoj</u>. Por Cappella Brancacci kaj la aktivecoj "Emocioj en muzeo" en Palazzo Vecchio antaŭmendo estas <u>deviga</u> kaj <u>senpaga</u>. Oni povas tion fari ĉiutage 09.00 – 13.00 kaj 14.00 – 18.00 en la komunika centro en Palazzo Vecchio aŭ telefone al 055-2768224 / 2768558.*

## utilaj informoj

**LA VOLONTULOJ JE VIA DISPONO, KUN BLUA INSIGNO...**

Pli ol 80 sinoferemaj volontuloj de la 91a UK estas je dispono de la kongresanoj. Ili klopodos helpi laŭ siaj eblecoj, por solvi etajn kaj "malpli etajn" problemojn, kiujn povus alfronti la gekongresanojn.
Fronte al ilia alta sindonemo, sinoferemo (kiu estas honoro por ni ĉiuj) ni certas, ke la kongresanoj konscios, ke oni ne povas peti helpon de ili, kiu superu iliajn forton, kapablon kaj ankaŭ ... paciencon.
Vi rekonos ilin per ilia ĝentileco kaj per la blu-kolora rubando kiun ili havas ĉirkaŭ la kolo.

**... KAJ LA KONGRESANOJ ĈIAM HAVU KUN SI LA KONGRESAN INSIGNON**

Por eniri la kongresejon necesas, ke oni prezentu sian kongresan insignon. Memoru, ke oni devas prezenti ankaŭ dum aliaj okazoj (ekzemple, je la eniro en Baziliko de sankta Laŭrenco, por la ekumena Diservo, dimanĉe la 30an de julio, h. 16.00)

**Poŝtaj tarifoj.** *La afranko por sendi bildkarton aŭ leteron (ĝis 20 gramoj) kostas:*
**0,65 eŭrojn** al Eŭropo kaj al landoj de la mediteranea baseno: Alĝerio, Cipro, Egiptio, Jordanio, Izraelo, Libio, Libano, Maroko (Ifni, Dakia, Layoune, Semara), Sirio kaj Tunizio;
**0,85 eŭrojn** al la aliaj landoj de Afriko kaj Azio, al Amerikoj;
**1,00 eŭron** al Oceanio.
Ĉiuj sendaĵoj vojaĝas per prioritata poŝto (ne ekzistas ekonomia aŭ "marpoŝta" tarifo).
Poŝtmarkojn vendas, krom poŝtoficejoj, ankaŭ kelkaj tabakvendejoj kiuj havas la eksteran indikon: "valori bollati".

**Ĉu Vi deziras konsilon por elekti kie manĝi dum la kongreso rapide, komforte, bonkvalite sed ĉefe sen bankroti? Aĉetu ĉe la giĉetoj - kontraŭ pura elspezrepago - la utilan broŝuron "Florenc' en buŝo... kaj ne nur".**

**EKSKURSOJ - GRAVEGA SCIIGO**

**Pro organizaj kialoj la forirhoroj de la duontaga ekskursoj, indikitaj en la biletoj, estas MALĜUSTAJ.
Bonvolu legi sur la anonc-tabulo la precizajn indikojn.**

EKSKURSA SERVO – Flavia Dal Zilio

## lastaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2106 | suzr-q | **S-ino Suzanne O' Riain-Hug**, privata adreso, Bruxelles, Belgio |
| 2107 | itau-u | **S-ino Ina Tautorat,** Am Rundling 8, DE-12487 Berlin, Germanio |
| 2108 | swyn-i | **S-ino Jan Swynnoe-Tubb,** Suff Lodge, Bishopswood Ross-on-Wye, Herefordshire, Britio HR9 5RA |
| 2109 | dpch-v | **S-ino Anne-Marie Dupéchaud,** 104 ave. Leclerc, FR-59130 Lambersart, Francio |
| 2110 | cwik-p | **S-ro Michael Cwik,** Sijsjeslaan 22, BE-3080 Tervuren-Moorsel, Belgio |
| 2111 | evar-l | **S-ro Eduardo Vargas Gutiérrez (Solo),** Ayala 3 4° D, ES-29002 Málaga, Hispanio |
| 2112 | msuj-q | **S-ro Maurice Sujet,** 6 rue Porte d'en Haut, FR-77320 Jouy-sur-Morin, Francio |
| 2113 | rnka-c | **S-ino Ranka Mraković,** Schrottova 35, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 2114 | zrss-i | **S-ro Savalan Zereshkian,** Tabage sewom shargi, Bluke 5, Faz 6, Shahrak Daneshgah 13899937117, Irano |
| 2115 | robo-r | **S-ro Romano Bolognesi,** Via Misa 4, IT-40139 Bologna, Italio |

**La IKU-LIBRO estas aĉetebla en la libroservo**

## Por kontakti la redakcion:

- Vi povas VENI al la Gazetara Servo, en Salono Fighiera-Sikorska, teretaĝe, en la kongresejo;
- aŭ Vi povas SENDI retpoŝtan mesaĝon al adreso: <kontaktu-lilion@yahoo.com>
- aŭ Vi povas TELEFONI al itala poŝ-telefono: (+39) 338 860 20 84. Al ĝi Vi povas sendi ankaŭ SMS'n.

## ĉu parencoj?

**Abdallah, reĝo de Jordanio**



*(...daŭrigota)*

**Clay Magalhaes, KKS de Uea**





N-ro 2 - 2006.07.30

# Florenca Lílio

KURIERO DE LA 91A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*Tiel la reprezentanto de la urbo, skabeno Giani, salutis la UK-anojn dum bunta inaŭguro, kiam miksiĝis amikecaj sentoj, orgojlodonaj eldiroj kaj gravaj atentigoj.*

## DANKON ESPERANTISTOJ, ĈAR VI HELPAS FLORENCON ESTI AGANTO DE PACO




Precize je la 10.14 ĉiuj UK-anoj de nia 91a kongreso ariĝis en "Fortezza da basso", kiu, porokaze alinomiĝis "salono Zamenhof", por ĉeesti la inaŭguron de nia kongreso. La horizontala aranĝo de la grandega spaco devigis realigi tri sektorojn: unu centra, fronte al la podio kaj du aliaj dekstre kaj maldekstre, kun grandaj televidaj ekranoj por spekti tion, kio okazis je la centro.

Tie supre sidis kelkaj reprezentantoj de nia bunta mondo: Charrière por TEJO, Petrović por ILEI, Pennacchietti por la kongresa universitato, Bakker - Corsetti - Nourmont - Yu Tao – Buller – Luin – Gutierrez – Wandel por UEA, Mattos por la Akademio, Grassini por la LKK. Kun ili la urba reprezentanto, skabeno Eugenio Giani, dum kun la publiko sidis aliaj gravaj reprezentantoj de la institucioj: la prefektoj (provincestroj) de Florenco kaj de Prato (urbo kie okazas la infana kongreseto). Al skabeno Giani oni prave kiel unue donis la parolrajton. Liaj vortoj emociigis la esperantistojn: li tuŝis la ĝustajn kordojn. "Via vokiĝo estas la sama, kiu enestas en la urba statuto: paco, solidareco, interkompreniĝo. Esperanto permesas komuniki inter la popoloj, interŝanĝi la esprimojn, stimuli la aliajn ke ili konservu kaj defendu sian kulturon: unu el la plej grandaj faroj de Esperanto estas ĝuste ĉi tiuj. Antaŭ multaj jaroj - daŭrigis la skabeno - la tiama urbestro diris ke Florenco estas aganto de paco. Dankon esperantistoj, ĉar per via ĉeesto ĉi tie, el tiom multaj landoj, vi helpas nian urbon konservi la eblecon, ke ĝi estu aganto de paco".

Sekvis la atendata saluto de Ludoviko Kristoforo Zamenhof *(teksto en la venonta numero)*: li informis interalie, ke ĉi-jare la "medalon de toleremo" ricevos la internacia skolta movado. Antaŭe ĝin ricevis papo Johano Paŭlo la 2a.

Poste Corsetti inundis la ĉeestantaron per la forto kaj kvanto de la alvenintaj salutmesaĝoj: el italaj kaj alilandaj institucioj kaj el la movado. Inter la italaj gravuloj skribis ĉefministro Prodi, la vicĉefministro Rutelli, ministro Chiti, la ĉefepiskopo de Florenco, kard. Antonelli, la ambasadoro de Italio en Litovio. El aliaj landoj kaj el la movado, notiĝis la salutoj de Margareta Handzlik, de Marjorie Boulton, el la E-urbo Herzberg, el la urbestro de Bjalistoko, el pluraj ambasadoroj kaj honoraj konsuloj,

Muzika paŭzo, la unua el la tri altnivele prezentitaj de Andreo Korobejnikov, enkondukis al pli spica momento: la ĝenerala prezento de la kongresa temo fare de François Grin, ne-esperantisto, kies belega prononcado de E-o ruĝigis vangojn de multaj eternaj komencantoj. Per sia prelego li resumis la raporton, kiu havas lian nomon, pri la kostoj de lingva hegemonio en Eŭropo, sed li ankaŭ iom pintigis la orelojn de tiuj, kiuj atribuis al lia esploro puran subtenon de Esperanto aŭ eĉ rekomendadon de nia lingvo (li nur uzis la ekzemplon de la Internacia Lingvo kiel simuladon de neŭtra situacio). Ĉiel ajn, la nuna lingva hegemonio donas transpagon de pluraj miliardoj da eŭroj al landoj kies merito – finfine - estas nur uzi denaske la anglan. La lasta instigo de Grin al esperantistoj estis, ke ili profunde studu la perceptadon de Esperanto ĉe la diversaj medioj por trovi la taŭgajn prezentomanierojn kaj plifortigi (aŭ eĉ redoni) valoron al Esperanto, por

agado kiu ne estu agadismo - farata de strategiuloj, ne de aktivuloj per si mem. La esperantistoj – li finis – devas pli multe agi en la strategio favore al lingva diverseco.

La aplaŭdoj ŝajnis montri principan aliĝon de la esperantistoj al la vortoj de Grin, sed verŝajne mankis io. Kaj pro tio kiam Corsetti alproksimiĝis al la mikrofono – por la prezidanta interveno - li sentis la devon emfazi kelkajn "niajn" aspektojn, kiujn – logike, kiel neesperantisto – Grin ne pritraktis. Kaj Corsetti faris tion kun tuŝo al la tero de Florenco: lia aserto, kiu plej surprizis onin, estas tiu ĉi: "Esperanto naskiĝis en Florenco". Oni pensis ke la prezidanto de UEA volis flati la urbajn aŭtoritatulojn, per eldiro ŝajne paradoksa kaj troiga. Ne. La zorgoj de la ĉeestantoj pri la historiaj konoj de la prezidanto rapide forvaporiĝis kiam li klarigis, ke en Florenco naskiĝis la moderna pensomaniero, kiu metis je la centro la homon. Teknologio sen homo ne estas io utila. Esperanto apartenas al tiuj iloj, per kiuj la homoj komunikas inter si. Sen Renesanco, sen Florenco, ne ekzistus Esperanto. Pro tio la 91a UK okazas en ĉi tiu urbo. Kaj la dua motivo pro kiu oni elektis ĉi tiun urbon kuŝas en la fakto ke ĉi tie estas Davido. La beleco de tiu mikelanĝela statuo vualas la veran intencon de la aŭtoro, kiu faris ĝin kiam la urbo estis sub sieĝado. La senco estas, ke ni esperantistoj estas ĉiuj "davidoj, kiuj luktas kontraŭ Goljato'n", li diris, komparante nian batalon por la lingva justeco fronte al la potenculoj de la lingva hegemonio, kun la evento rakontita en la Biblio. La instigo de Corsetti resumiĝis per bela petsopiro: "se Davido, je la fino, venkis, ankaŭ ni venkos; ni venkos se ni batalos por la justeco, se ni insistos prezenti nin kiel vere ni estas: batalantoj por lingvo justa,".

La inaŭguro daŭris per la tradiciaj momentoj de la salutoj. Kelkaj el tiuj de la "E-istaj instancoj" ĉi-foje estis (kiel diri?) aparte amoplenaj. Ni ne aldonos plion, sed nur citos, ke la prezidanto de ILEI avertis, ke "la kongresoj daŭras tro mallonge por krei esperantistojn laŭ natura metodo", sekve, oni insistu pri la kursoj; la prezidanto de la Akademio havis la ĝentlemanan nuancon, sin adresi al "amataj samideaninoj kaj estimataj samideanoj".Kun ili salutis ankaŭ la prezidanto de la LKK kaj la gereprezentantoj de TEJO kaj SAT.

Plej kortuŝan momenton oni travivis kiam oni anoncis la du novajn honorajn membrojn de UEA: Otto Haszpra (Hungario) kaj Umberto Broccatelli (Italio). Pri ili vi legos venontnumere.

Sekvis la tradicia, vere lumanta serio *(en la kazo de Finnlando, ne nur metafore)* da salutoj el la diversaj landaj asocioj, bildo pri nia movado. Ĉiuj salutis kaj profitis la okazon ankaŭ por inviti al siaj aranĝoj (kelkaj survojaj, kiel la baldaŭa IJK en Sarajevo; aliaj pli foraj, kiel la UK en Jokohamo; aliaj tradiciaj, kiel la himalajaj renkontiĝoj aŭ la landaj kongresoj). Ili ja rajtis, post kiam la prezidanto de UEA jam estis prezentanta recenzon pri la ĵus aperinta "Princo" de Machiavelli en Esperanto.

La kanto de la himno, fronte al la telekameraoj de kelkaj televidoj, bone disponigis kiel ĉiam ĉiujn por la kongresa semajno, startigita de la oficiala deklaro de la UEA-prezidanto.

**Carlo Sarandrea**

## lastaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2151 | bdsm-y | S-ro Bernard Stollman, 596 Broadway Str 602 NY, New York 10012, Usono |
| 2152 | | S-ro Massimo Ripani, Via Salv. Di Giuseppe 5/A,, Italio |
| 2153 | mksv-o | S-ro Alexander Mikishev, Str. Bruria 5A/B, Israelo |
| 2154 | | S-ino Elena Maggiolini, Via Cimabue 14, Italio |
| 2155 | | S-ro Nikolaos Papatrezis, Kamvounion 3, Thessaloniko Greeklando |
| 2156 | | S-ino Varvara Papatrezi, Kamvounion 3, Thessaloniko Greeklando |
| 2157 | | S-ino Zita Garbarduiciene, S.Zukocesko 3-18, Kaunas Litovio |
| 2158 | oleb-h | S-ro Ole Blaust, Ny Kongasgasde 18, Kopenhaen Danio |
| 2159 | | S-ro Piero Francesco Bellebono, Vicolo Vaglietti 2, 24055 Cologno al Serio Italio |
| 2160 | | S-ro John Bellebono |
| 2161, | mvka-o | S-ro Martien van Kasferer, Scheenerstandt 22 1826 c/1, Nederlando |
| 2162 | rado-z | S-ro Peter Andras Rados, Hungario |
| 2163 | | S-ino Maria Kinga Rados, 1031 Budapest, Varsa n.8.I.3., Hungario |
| 2164 | jnos-q | S-ro Janusz Ostrowski,314-315 East First Str. Norim Vancouver, Brita Columbio, Kanado |
| 2165 | mgaz-a | S-ro Michele Gazzola, Via Giuliani 71C , 33100 Udine, Italio |
| 2166 | | S-ro Francisco C. Sanchez, Urbaniecan Tossal Gros 24, Castello de la Plana, Hispanio |
| 2167 | bnna-h | S-ro Ben Indestege, Garspeldoasttad 23 3650 Lanhloor, Belgio |
| 2168 | | S-ino Celine Bernard, 4 rue Saint Florent , 84100 Orange Francio |

**(daŭras je la 4a paĝo)**

## Ĝisdate pri la programo: 

**Junularaj eventoj -** Diversloke en la kongresejo, kaj ĉe la TEJO-budo, troviĝas koloraj folioj kun listo de pli ol 12 okazaĵoj organizitaj de la junularo sub la titolo *JP en via poŝ'*. Trovu, legu kaj partoprenu kiom ajn aĝa vi estas!

**ISAE -** Interesatoj pri la agado de ISAE bonvolu atenti ĝian kunsidon ĵaŭde je 14.15 en salono Migliorini. Lastatempe estis centjara ISAE-festo en la Esperanto-kasteleto en Tavoleto de la 23-a ĝis la 29-a de julio 2006. Plena raporto aperos en revuo *Esperanto* kaj la teksto de ĉiuj prelegoj aperos en la festa numero de *Scienca Revuo*. *Raportis Rob Moerbeek, KN 85*

**Etnistoj -** Lundon, 31-an de julio je 16.00 en salono Migliorini, okazos kunsido de la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL) por debati la temon *Lingvoj en Italio: historiaj minoritatoj, dialektoj, lingvoj de enmigrintoj, federaciismo kaj aŭtonomioj.* Ĉiuj kongresanoj estas bonvenaj! Ĉiuj membroj de IKEL estas invititaj partopreni en ties membrokunveno; ne-membroj estos same bonvenaj. Eblos aliĝi surloke.

**Kvizo** - Mardon la unuan de aŭgusto, je la 17h00 en salono Canuto s-.ro Marian Zdankowski (Pollando) kun helpantoj gvidos interesan kvizon kun multaj premioj, kiuj atendas Vin.

**Amikaro Bruno Gröning -** Okazos en salono Stoppoloni, marde je 11.15, kaj ankaŭ ripete ĵaŭde je 09.00 kaj vendrede je 09.00, sub la titolo *Saniĝo per Spiritaj Fortoj*, publika prelego de d-ro Dölzmüller de la Medicin-Scienca fakgrupo de Amikaro Bruno Gröning. La prelego prezentos la evoluon de saniĝoj dokumentitaj de sendependaj kuracistoj; raportos saniĝintoj mem kaj oni klarigos kiel akcepti la spiritan sanigoforton laŭ la instruo de Bruno Gröning. *Raportis Detlef Meier, KN 330*

## Kongresa Balo

La Kongresa Balo okazos lundon, 31-an de julio je 20.00 en la subtera etaĝo de *Palazzo degli Affari*. La enirejo estas inter la Libroservo kaj la Palaco mem.

**Afrika kunsido**

Kun la partopreno de pli ol tridek esperantistoj, ĉu aktivuloj ĉu interesitoj pri afrika agado, okazis en salono Grazzini dimanĉa kunsido pri Afriko. La partoprenantoj spektis diapozitivojn pri Burundio, kien vojaĝis Tereza Kapista kun helpo de UEA kiel parto de la projekto *Lingvo de Paco*. Kongresanoj el Benino (KN 1259) kaj Togolando/Ebura Bordo (KN 1560) raportis pri siaj agadoj kaj oni krome informis pri la agado de la Afrika Oficejo en Benino kaj la estontaj kongresoj en Burundio (aŭgusto 2006) kaj Niĝerio (ĉirkaŭ decembro 2006). *Raportis Maritza Gutiérrez, KN 76*

**Komitatkunsido de UEA -** La komitato de UEA kunsidis sabate posttagmeze. Ĝi faris preparajn decidojn por la posta laboro en ok subkomitatoj kiuj temos pri financoj, eksteraj rilatoj, edukado, informado, kulturo, landa/regiona agado, faka/scienca agado kaj junularo. Dumkongresa komisiono pri rezolucio konsistas el J Vergara, A G Rao kaj B Moon.La komitato traktis la estraran raporton kaj la financajn raportoj pri 2005 kaj akceptis ilin. La laboro de la semajno estos preparita en la subkomitatoj kaj vendrede la komitato denove plenkunsidos pri buĝeto, raportoj de la subkomitatoj, strategia laborplano kaj aliĝpetoj de novaj asocioj. *Raportis la Ĝenerala Sekretario de UEA, KN 81*

## Invitoj

**UNIKOM -** La inventinto de softvara programo kiu celas uzi Esperanton kiel tradukan pontlingvon, D-ro Myron Bondelid, volas rekruti lingvistojn kaj aliajn interesitojn kiuj volas kunlabori pri la projekto uzi ĝin por traduki en la sekvajn lingvojn: hispana, portugala, germana, franca, hungara, rusa. Oni ĉefe planas uzi ĝin por sciencaj, teknologiaj, medicinaj kaj komercaj esploraj celoj. Vizitu la UNIKOM-budon aŭ informiĝu plu pere de help@unikom.org kaj www.unikom.org.

**Lehm ja koiv:** ĉi tiuj vortoj estas la titolo de finnlingva poemo *Bovino kaj betulo* kies E-traduko sekvas: "Mi volas esti bovino sub betulo. Mi ne volas esti kreiva. Mi ne volas ellerni novan enpaĝigan programon. Mi ne volas solvi la rilaton inter patrino kaj filino. Mi ne volas iri al la poŝtejo kun tiu letero. Mi ne volas telefoni al sinjorino oficisto pri sociasekuro. Mi ne volas enmemorigi "pin"-kodojn. Lasu min esti bovino sub betulo. Metu mian lacan haŭton sur plankon dormoĉambran antaŭ kahela forno". La poetino kolektas tradukojn de ĉi tiu poemo kaj invitas vin traduki ĝin en vian propran lingvon el la E-versio. Interesiĝantoj kontaktu Tuomo Grundström, KN 1647, *tuomo.grundstrom@lailanet.fi.*

**Gazetara Servo -** La samideanoj kiuj bezonas la komunikojn de la Gazetara Servo por traduki sialingven kaj sendi al siaj naciaj amaskomunikiloj, povos trovi la tekstojn en la Interreta paĝo: www.uk2006.info/rassegnastampa

**Katolika pastro** invitas al E-lingvaj Diservoj en la preĝejo de San Giovannino degli Scolopi, en strato Via Martelli. Dum la kongresa semajno okazos matene je la 8a Meso; vespere je la 16,15 ekumenaj vesperaj Diservoj. Informiĝu ĉe P. Bernhard Eichkorn.

**Malaltekoste manĝi!**

La italaj fervojistoj disponigas al ĉiuj kongresanoj rabatitan manĝon en la restoracio *TOSCANA RISTO*, Via Luigi Alamanni 6. Via Alamanni estas paralela al la centra stacidomo ĉe la flanko kie ne estas la kongresa centro. Eblas ricevi 7-procentan rabaton por ĉiuj unuopaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj pere de kupono havebla ĉe la akceptejo/informejo de la kongresejo. Tipa kompleta manĝo povas kosti nur EUR 7,50. Pagu surloke. Horaro: 11.00 - 15.00; 18.00 - 22.00.

## lastaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2169 | vez-j | S-ro Antonio Verdù Curtidors, 40-5-2 03203 Elche, Alicante Hispanio |
| 2170 | cola-z | S-ino Maroa Lucia Colagrossi, Via S.Pier Di Canne 82/8, Chiavari, Genova |
| 2171 | aflm-w | S-ro AntonioMartins-Tuvalxin, Estrada de Benfica, 692 c/v d. , PT-1500-111 Portugalio |
| 2172 | lugg-t | S-ino Eugenia Gay, Viale Leone, Palazzo Torre, 80055 Porlici, Italio |
| 2173 | | S-ro Aldo Di Mascolo, Viale Leone, Palazzo Torre, 80055 Porlici Italio |
| 2174 | amze-1 | S-ro Jomart Amzeyev, Skaftingebacken 3, 16367 Spanga Svedio |
| 2175 | ntsg-i | S-ino Natalja Gerlach, Skaftingebacken 3, 16367 Spanga Svedio |
| 2176 | | S-ro Raul Salinas Monteaguado, Enrique Navarro 22/2, 46020 Valencia Hispanio |
| 2177 | | S-ro Dennis Keefe, 5 rue de Fontenay Le Petit Jailly F-21500 Francio |
| 2178 | | S-ro Claude Labetaa 17 Potissement de l'aerodrome 24330 Bassillac Francio |
| 2179 | | S-ino Veronique Labetaa, 17 Potissement de l'aerodrome, 24330 Bassillac Francio |
| 2180 | | S-ro Alberto Grilli, Via Montanari 51, 41037 Mirandola Italio |
| 2181 | | S-ro Romano Grilli, Via Montanari 51, 41037 Mirandola Italio |
| 2182 | | S-ro Fabian Kemps Verhage, Heyssehsstraat 84, 2023 JS Naarlem Nederlando |
| 2183 | | S-ro Masao Tacimoto, 4-78 Midorigaoka, Nomi Ishikawa 923-1226 Japanio |
| 2184 | | S-ro Christophe Castillon, 7 Avenue Rossina, 83790 Pignans Francio |
| 2185 | acve-g | S-ino Veronika Acsadi, Baratsag 4.17, H-9700 Szombathelm Hungario |
| 2186 | dato-p | S-ino Daniela Tagliafico, Via Don G.Verita 11/20, 16158 Genova Italio |
| 2187 | | S-ino Norma Saccardo, Via Leopardi 5, 35010 Villafranca Padovana Italio |

## Pri la kongreso en gazetaro (30an de julio)

**La Repubblica** (frontpaĝe en la lokaj paĝoj) "Esperanto ĉu utopio aŭ demokratia lingvo?". En unukolumna artikolo ĵurnalistino Beatrice Manetti, post ĝenerala priskribo pri la kongreso, publikigas la eldirojn de R. Corsetti konkludante, ke *"esperanto estas ĉefe demokratia lingvo"* sed *"parolas ĝin en la tuta mondo 2 milionoj da personoj (...)* kaj ĉar *"venki sur la angla estas fora perspektivo, la esperantistoj batalas sian batalon ĉefe en sia rondo"*. La artikolon finas prezento pri la Infana Kongreseto.

**Quotidiano Nazionale (komuna eldono de 3 italaj ĵurnaloj).** Ĝi aperigas unu tutan paĝon en la kultura sekcio, sub la titolo: "Sed, kiun lingvon vi parolas... ĉu Esperanton? – studuloj el la tuta mondo ariĝas en Florenco, en la nomo de globala komunikado". La artikolon ornamas granda E-flago kun terglobo ĉirkaŭ kiu estas infanoj. La teksto ne evitas la uzon de kelkaj dubsencaj vortoj (ekz: *"la granda kirlaĵo de lingvoj nomiĝas Esperanto"*), kiuj povus doni mokeman etoson al la artikolo, sed finfine ĝi estas pozitiva, kaj la ĵurnalisto, post lego de la kongresa libro, agnoskas ke li "pli malpli" komprenis la legaĵon, "kaj tio estas pruvo – li finas - ke Esperanto estas vere facila. Kaj ĝi estus vere bela rimedo por ĉiuj konstruantoj de komunikado kaj dialogo"

### Por kontakti la redakcion:

- Vi povas VENI al la Gazetara Servo, en Salono Fighiera-Sikorska, teretaĝe, en la kongresejo;
- aŭ Vi povas SENDI retpoŝtan mesaĝon al adreso: <kontaktu-lilion@yahoo.com>
- aŭ Vi povas TELEFONI al itala poŝ-telefono: (+39) 338 860 20 84. Al ĝi Vi povas sendi ankaŭ SMS'n.

Por la realigo de ĉi tiu 2a Lilio, kunlaboris Carlo Sarandrea, Diccon Mastermann kaj Maria Belošević

### ĉu parencoj?



**Pastro Bernhard Eichkorn (KN 519)**



**Graziano Ricagno (KN 859)**

*(daŭrigota)*



N-ro 3 - 2006.08.01

# Florenca Lilio

KURIERO DE LA 91A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*Tuta mateno de programeroj edukis, paroligis kaj pensigis vin la UK'anojn. La tradicia Kleriga Lundo ĉi-jare proponis pli da seminarioj, kun alta partopreno.*

## KLERIGA LUNDO TRA ESPERANTUJO

Kio ankoraŭ ne dirita oni povus diri pri la Kleriga Lundo? Ĉi-jare ni organizantoj alfrontis novan defion. Anstataŭ 12, temis pri 15 seminarioj, laŭ plej diversaj temoj: movadaj, kulturaj, sociaj, klerigaj, amuzaj. La salonoj plenis, la homoj estis kontentaj. Lingvistoj diskutis kiel interesigi samfakulojn, ni povis ekkoni per la vortoj kaj bildoj de niaj mondvojaĝantoj la plej multajn esperantistojn, kiuj ne povas veni al la kongresoj; per kortuŝaj vortoj kaj deklamoj estis prezentitaj la italaj E-poetoj, de Mazzolini al Aldo de' Giorgi.

Kaj por resti ĉe la ĉi-tiea lando, amuza kunsido temis pri la virtoj kaj malvirtoj de italoj, tra la okuloj de eksterlandanoj loĝantaj ĉi tie. Sed kompreneble pluraj seminarioj temis pri Renesanco laŭ plej diversaj aspektoj. Kaj laste, kiel kutime sukcesa, estis la sesio pri la arto oratori, estrata de Tonkin kaj Wera Banke.

Ĉu ontjare estos pli bona? Tio estas interesa defio.

Kongresanoj donu siajn opiniojn kaj sugestojn dum ĉi kongreso, per mesaĝo al KN 99, aŭ poste, rete al michela.lipari@tiscali.it

**Unua bloko: 9.00 – 10.30**
**Tra Esperantujo.** Chavignon, Kapista, Binaghi.
**La Latina Lingvo : Imperio, Eklezio, Kulturo.** Prytz, Barandovska, Berveling
**Italaj Poetoj en Esperanto.** Rossi, C. Minnaja, Lipari.
**Informado: Kiel Utiligi Amaskomunikilojn?** Miyoshi, Poláková, T. Bormann.
**Sociaj Agadoj.** Vessella, Schwarzer, Turcato.

**Dua bloko : 10.45 – 12.15**
**Vidi per Manoj – Kiel Blinduloj Ĝuas Arton.** Grassini, Da Costa, Prytz.
**Renesanco en Italio.** C. Minnaja, Berveling, Clerici
**La Arto Paroli Publike.** Blanke, Tonkin.
**Verda Mondo.** Auderskaya, Rao, Kühnel.
**Scienco kaj Popolo.** N. Minnaja, Bishop, Tarracchini.

**Tria bloko : 12.30 – 14.00**
**Veterani Sed Ne Maljuni.** W. Bormann, U. kaj G. Grattapaglia.
**La Itala Renesanco Renkonte al la Mondo.** Tonkin, Moerbeek, Wen.
**Italoj Eksterlande, Eksterlandanoj en Italio.** Zappelli, Winberg, Altherr.
**Orienta Mediteraneo.** Pennacchietti, Pontika.
**Kiel Organizi Niajn Interlingvistojn?** D. Blanke, La Torre, Cizikaite.

**Tria bloko de Kleriga Lundo: Veterani sed ne maljuni**
Kvindeko da pli-malpli veteranoj ĉeestis la kunvenon por ĉefe debati la temon: "Kion la esperanto socio povas gajni per la efikaj kontribuoj de siaj pli maljunaj partoprenantoj". El la multaj kontribuoj, aperis rekomendo al UEA por ke ĝi starigu konsilantaron de eksaj estraranoj, kiu povus doni "sugestojn" (saĝajn) al la nuna estraro, bazitaj sur siaj spertoj pri la movado. Sama sugesto taŭgas ankaŭ por la Landaj Asocioj, kiuj ofte baraktas kontraŭ malfacilaĵoj por trovi novajn vojojn por la disvastigo de niaj ideoj. Tamen tio en harmonio kun la novaj junularaj tendencoj profiti pri la eblecoj de la novaj teknologioj. *KN 130*

**Dua ŝanco aŭdi la teatraĵon *Stilekzercoj* -** Du pasaĝeroj en aŭtobuso. Anekdoto rakontata en deko de la plej diversaj stiloj. Tiu peco, amuza kaj interesa, estos presentata de la franca aŭtoro Henri De Sabatts dum la Teatra Vespero, **mardon** je la 19 h. en salono Minnaja. Por tiuj kongresanoj kiuj ne sukcesos vidi ĝin en tiu vespero, aŭ kiu serĉas distran agadon post Ekskursa Tago, ekzistas dua ebleco spekti ĝin kadre de la Junulara Programo ĉe la gastejo *Villa Camerata* je 21 h. merkredon la 2-an de Aŭgusto.

**INTERESA KAJ ALLOGA KVIZOLUDO** kun multaj premioj okazas **mardon la unuan de aŭgusto** en la salono *Canuto* je la 17 h.
Kvizoludon gvidas s-ro Marian Zdankowski (Pollando) kun helpantoj.
La premioj atendos vin kaj donos ilin Margareta Handzlik, la eldonejo *Sezonoj* el Kaliningrado, la eldonejo *Hejme* el Pollando kaj *Studumo* el Bydgoszcz.
Estu certe: vi ne enuos dum kvizoludo!

**En la Ekskursa Tago, Merkrede, la Kongresa Kuriero ne aperos**

FIRENZE V.R. 1.8.2006 PT 91° CONGRESSO MONDIALE DI ESPERANTO - FLORENCO 91a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La poŝtoficejo por havigi al si la filatelian stampon de la UK laboros la unuan de aŭgusto (lasta deĵor-tago) de la 10h00 ĝis la 16h00.

## Okazis...

**Tri subkomitatoj jam kunsidis -** Post la inaŭguro de la kongreso, en la dimanĉo kunsidis tri el la ok subkomitatoj.
La subkomitato pri financoj diskutis pri buĝeto, pri fondaĵoj kaj membrokotizoj, kaj faros proponojn pri tio al la komitata kunsido vendrede. Estis ankaŭ diskuto pri materialo por membrovarbado kaj pri manieroj pagi kotizojn. Junularo estis la temo de alia subkomitato, kun diskuto pri partopreno de junuloj en la kongreso, pri malmultekosta loĝado, pri kongresa programo por junuloj. Alia diskuto temis pri eduko de junaj instruistoj. Tria subkomitata kunsido temis pri eksteraj rilatoj, kun diskuto pri kontaktoj kun UN kaj Unesko, kaj pri bezono de gvidlibro pri tiaj kontaktoj je landa nivelo. En la vendredo la komitato ricevos la raportojn de ĉiuj subkomitatoj, por eventualaj decidoj. *Ulla Luin (KN 81)*

Dum la kunsido de **Internacia Naturkuraca Asocio (INA)** okazis du prelegoj. La unua, kiun prezentis la prezidanto de la kunsido, naturkuracisto Harald Schicke (KN 803), Germanio, temis pri "Kuracado laŭ pastro Kneipp" kaj prezentis la kvin kolonojn de naturkuracado: akvo, herbokuracado, movado, nutrado kaj vivordigo. La duan prezentis Prof. Alicja Lewanderska, Pollando, pri la temo "Eblo de feliĉo, sukceso kaj riĉeco". *Informis Harald Schicke (KN 803)*

La **subkomisiono pri kulturo** kunsidis lunde kun diskuto pri tiaj kulturaj aranĝoj kiel ekspozicio de bildo-artoj en la kongresoj, kaj la variaj kondiĉoj por aranĝi tion. Aliaj partoj de la diskuto temis pri la ekonomiaj kaj ĝeneralaj kondiĉoj por retaj elsendoj de televido kaj son-raportoj.
Posta **subkomitata kunsido temis pri informado**. Tiu kunsido traktis ĉefe la unuan el la tagordaj punktoj, ĉar la diskuto temis pri variaj eblecoj aranĝi ago-tagojn, semajnojn de internacia amikeco, lingvotagojn kaj simile. Frua planado kaj ideo pri la celo de la aranĝo pli gravas ol aranĝi ion en multaj landoj samtempe.
Trie kunsidis la **subkomitato pri fakaj kaj scienca agado**. La fakaj asocioj ricevas eblecojn kunveni aŭ informi pri si mem en la kongreso, sed la bezono kaj deziroj estas multe pli grandaj, kvankam samtempe la eblecoj eble ne estas sufiĉe konataj.
Pri ĉiuj subkomitataj kunsidoj estos raportoj al la komitato vendrede.
*Raportis: Ulla Luin, KN 81*

## NEKREDEBLA SERIO

da teknikaj paneoj malebligis ke la hieraŭa LILIO aperu ĝustatempe. Dum 3 horoj oni klopodis funkciigi la presilon, kiu ne plu akceptis kunligon kun la komputiloj. Ankaŭ dua presilo ne plu volis labori. Je la fino oni sukcesis trovi elturniĝon (dankegon, Marija!). La grafika rezulto korespondis al la provizora solvo (ekzemple la fotoj estis tro malhelaj), pro kiu ni pardonetas. Eblas tamen vidi belaspektan, koloran LILION je la TTT-paĝoj www.uk2006.info

## Saluto de d-ro Zaleski-Zamenhof dum la UK-inaŭguro

Sinjoro Prezidanto, gesinjoroj Honoraj Gastoj, estimataj Gekongresanoj, karaj Amikoj, akceptu mian tradician tutkoran saluton, saluton de Zamenhofa familiano al la granda Zamenhofa familio ĉi tie alveninta de ĉiuj partoj de nia terglobo. Por mi la momento estas aparte kortuŝa, ĉar en tiu ĉi bela urbo de Florenco mi jam aliafoje ĉeestis Esperanto-kongreson: la 27-an UK tie ĉi komenciĝintan. Mi intence ne elvokas la daton tiurilatan, dezirante evitigi kalkulon de mia aĝo; mi estis tiam juna knabeto kaj juna estis nia movado. De post tiam mi iom maljuniĝis, tamen la movado daŭre estas juna, daŭre fervora kaj daŭre evoluema; ĝuste pri la daŭrigebla evoluado ni havos la okazon diskuti dum ĉi tiu, la 91-a kongreso.

Fakte hodiaŭ mi salutas vin ne nur en la rolo de Zamenhofa nepo sed samtempe en la rolo de Prezidanto de la Honora Komitato de la Zamenhofa Fondumo, starigita antaŭ ĉirkaŭ 20 jaroj en la naskiĝurbo de mia Avo, Fondumo dediĉita al disvastigo tra la mondo de Zamenhofaj ideoj. Unu el ĉefaj tiuj ideoj, ideo kiu iniciatis la naskiĝon de nia lingvo internacia, estas ideo de toleremo, ideo de akcepto kaj de kompreno de la alia, de la malsama. Toleremo de la diverseco de kulturoj, tiu diverseco estante la granda riĉeco de homaro. Sekve la Fondumo kreis Medalon de Toleremo por honorigi personojn aŭ instituciojn grave kontribuantajn al efektiviĝo de tiu ideo. Post la dekorado i.a., antaŭ kelkaj jaroj, de la forpasinta Papo Johano Paŭlo, heroldo de ekumenismo, do de toleremo interreligia, ni honorigos per la sama medalo, tuj post la Kongreso, la Mondan Skoltaron, organizaĵon laŭdegantan, de post Baden-Powell, ĝia kreinto, la toleremon de etna diverseco kaj edukantan tiusence la tutmondan junularon. Estos Profesoro Corsetti, Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio kiu, asistota de Guido Ricci, Prezidanto de Skolta Esperanto-Ligo, akceptis la ŝarĝon enmanigi la medalon al la ĉefaj instancoj de la WOSM, la Tutmonda Skolta Movado, en la persono de Doktoro Missoni, la Ĝenerala Sekretario, tion faronte antaŭ kvin miloj da skoltoj kunflugontaj al Toskanio el la tuta Eŭropo. Mi menciu por la bonordo, ke estis Renée Triolle, kiu, ene de Unesko, havis por UEA unuajn kontaktojn kun la WOSM, implicintajn elekton de la skoltoj kiel kandidaton por la medalo.

Mi deziras al la Kongreso plenan sukceson kaj vastan eĥon en la mondo; ĝi estu granda paŝo antaŭen al la disvastigo de la lingvo internacia, al la kompreno de la graveco de ĝia edukado por la daŭrigebla evoluo.

**Louis C. ZALESKI-ZAMENHOF**

## GRAVA ĜUSTIGO

**En FLORENCA LILIO n-ro 1, paĝo 2, en artikolo "50 jaroj da juneco..." oni erare skribis ke Helen Fantom estas edzino de Kristoforo Fettes. Tio ne estas vere: ni pardonpetas al s-ro Fettes kaj al s-rino Helen Fantom.**

## Ĝisdate pri la programo:



**TAGO DE LA LERNEJO - MARDON, 2006-08-01, 10h15-15h45, salono MINNAJA**

| | |
|---|---|
| 10h15-10h20 | Enkonduko, Radojica Petrovic |
| **10h20-11h00** | **Edukado kaj instruado de Esperanto en Italio** |
| 10h20-10h35 | Edukado en Italio, *Aldo Grassini* |
| 10h35-10h50 | Lingvolernado kaj instruado de Esperanto en Italio, *Anna Maria Colacicchi* |
| 10h50-11h00 | Demandoj kaj diskuto |
| 11h00-11h05 | Paŭzo |
| **11h05-12h45** | **Esperanto en lernejoj de Eŭropo** |
| 11h05-11h20 | La projekto Springboard for Languages en Britio, *Angela Tellier* |
| 11h20-11h35 | Laborgrupo "Lingvolanĉilo", *Dr. Lajos Molnár* |
| 11h35-11h45 | Demandoj kaj diskuto |
| 11h45-12h00 | Geknaba aranĝo FRINGOJ, *Elizabet Barbay* |
| 12h00-12h15 | Interlerneja projekto AKEL-2, *Ermanno Tarracchini* kaj *Luigia Oberrauch Madella* |
| 12h15-12h25 | Demandoj kaj diskuto |
| 12h25-12h40 | Esperanto en la servo de gelernantoj, *Marija Belołevic* kaj *Svijetlana Akik* |
| 12h40-12h45 | Demandoj kaj diskuto |
| 12h45-13h00 | Paŭzo |
| **13h00-14h00** | **Esperanto en universitatoj** |
| 13h00-13h15 | Lerni Esperanton kaj studi per Esperanto universitatnivele, *Amri Wandel* |
| 13h15-13h20 | Demandoj kaj diskuto |
| 13h20-13h35 | Esperanto en ĉinaj universitatoj, *Yu Tao* |
| 13h35-13h50 | Spertoj kaj observoj de universitata E-instruisto, *Aida Cizikaite* |
| 13h50-14h00 | Demandoj kaj diskuto |
| 14h00-14h05 | Paŭzo |
| **14h05-15h35** | **Instruado de Esperanto tutmonde** |
| 14h05-14h35 | Instruado de Esperanto en Afriko: atingoj, planoj, diskuto; *Molière Ngangu, François Hounsounou, Maritza Gutierrez, Sabine Hauge* |
| 14h35-14h50 | ISLA-2006: Internacia E-lernejo en Armenujo, *Radojica Petrovic* |
| 14h50-14h55 | Demandoj kaj diskuto |
| 14h55-15h10 | NESTO: malĉeesta kaj perkomputila lernado de Esperanto, *Adonis Saliba* |
| 15h10-15h15 | Demandoj kaj diskuto |
| 15h15-15h30 | Retpoŝta Esperanto-kurso por ruslingvanoj, *Anna kaj Mati Pentus* |
| 15h30-15h35 | Demandoj kaj diskuto |
| 15h35-15h45 | Konkluda diskuto kaj pritakso |

## NOVAJ PRELEGOJ

**Ĵaŭdon, la 3an de aŭgusto, Salono Minnaja, 9h00-9h45:**
Hinda kontribuo al la mondo de scienco kaj matematiko.

**Ĵaŭdon la 3an de aŭgusto, Salono Grazzini, 11h00-11h45:** IKEL (2a kunsido)

**Internacia Koruso -** Pro la nealveno de la kutima gvidanto la koncerto de la Internacia Koruso ne okazos. Tamen, la Koruso funkcias, ekzercas je la indikitaj horoj kaj aparte kontribuos al la programo de la Internacia Vespero. Novaj, kapablaj kantemuloj estas invitataj senformale aliĝi al la Koruso por prepari kaj prezenti la kantaĵojn. *Franz-Georg Rössler (KN 801)*

## Invitoj

**BUDHISMA MEDITADO** okazos ĉiumatene dum la UK je 08:15 en Hotel Baglioni, Piazza Unità Italiana 6, Suite Carrega (unua etaĝo). Ĉiuj bonvenaj! Informis: Budhana Ligo Esperantista, Gunnar Gällmo" <gunnargallmo@yahoo.se

**KAT-ŜATANTOJ!** Se vi ŝatas katojn, ne maltrafu **mardon la unuan de aŭgusto**, la kunsidon de Rondo "Kato" / Esperantista Kat-amikaro, je la 14h30 en salono Grazzini

**Ĝuu klerigan restadon en Grezijono! -** La franca kulturdomo de Esperanto organizas, ĉiun someron, diversnivelajn kursojn, seminariojn kaj aktivaĵojn (jogo, koruskantado, librobindado, masaĝoj, go-ludo, astronomio, ktp.). Oni loĝas en kastelo aŭ tendumejo. Vi ĝuos grandan parkon (18 ha), padon, flugpilkon, tablotenison, sed vi ankaŭ povas nur ripozi! Grezijono situas en la regiono de la famaj kasteloj kaj vinoj. Vizitu nian retejon www.gresillon.org. Ni atendas vin por ĝui bonan etoson en tiu 54-jaraĝa esperantio. *KN 838 kaj 1100*

**Vizitoj al Britio -** Bultenoj de la Londona Esperanto-Klubo kaj la Brita Kongreso Letchworth (Majo 4–7 2007) haveblas de San Fantom (KN 2117).

**Pri la estonteco de AIS -** Merkredon vespere, de la 19a ĝis la 21a horo, amtaŭdiskutos la deĵorantaj kaj la vicaj senatanoj de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino en la ĉeesto de aliaj interesitaj efektivaj, adjunktaj aŭ liberaj AISanoj la planendan estontecon de AIS dum la jaroj 2008-2011. Temos pri la deĵortempo de la nova AIS-senato elektota en San Marino la 3an de septembro 2007. La tiam elektitaj senatanoj tie samtage elektos inter si la novan prezidanton kaj decidos pri la kadra laborprogramo 2008-2011. Ĉiuj kongresanoj, kiuj serioze interesiĝas pri la laboro de la Akademio, ankaŭ se ili ankoraŭ ne aliĝis al la Internaciaj Scienca, Sciencaplika aŭ Arta Kolegioj de AIS, estas invitataj partopreno en la neformala interkonsiliĝo. Ĝi okazos en la Grand-Hotel Baglioni, kiu situas 10 piedminutoj for de la kongresejo (en la direkto de la stacidomo), Piazza Unità Italiana 6 (apud la obelisko), en la unua etaĝo, salono Carrega. *KN 140 (Frank)*

**Vizito en Rotaria Klubo** – Mardon la unuan de aŭgusto esperantistaj rotarianoj vizitos rotarian Klubon en Florenco. Renkontiĝo je la 19h00 antaŭ "Palazzo Vecchio" (urbodomo). Informis KN 130

## lastaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2116 | | S-rino Helen Fantom, Britio |
| 2217 | | S-ro Ian Fantom, Britio |
| 2118 | | S-ro Arturo Orlando,Via San Giovanni 60, Eboli, Italio |
| 2219 | | S-ro Jesuo De Las Heras, Ap.4461, 30080 Murcia,Hispanio |
| 2120 | | S-ino Sonia Chatelan ,CH.Du Val-D'angrogne No.8 -1012 , Lausann, Svislando |
| 2121 | jcca-f | S-ino Marguerite Jaccard, Residence Carina Sous-Le-Rosey, CH-1180, Rolle, Svislando |
| 2122 | coal-o | S-ro Alessandro Corrado,Via Fontane 54,25133 Brescia, Italio |
| 2123 | | S-ro Mark Rainey, 995 E.Baseline Rd. Apt.1021,Tempa, AZ 85283 Usono |
| 2124 | | S-ino Ilda Dashi, R.R.Alexander Moisin p.27 Sh.3 Ap.24,Tirana, Albanio |
| 2125 | | S-ino Marisa Pertempi,Via N.Bixio, 116 Falconara, Ancona, Italio |
| 2126 | | S-ino Veronica Colabene, Castelfidardo, Ancona, Italio |
| 2127 | | S-ino Riviane Rodrigues,Shin Al.13 Cj5 Casa 19,Brasilia, Brazilo |
| 2128 | | S-ino Eana Marin,Str. Miozitei BL.A8 App. 7,5100 Buzan, Romania |
| 2129 | | S-ino Katalin Kosztolanyi,Florilor Str.15, 535600,Odorheiu Secuise, Romanio |
| 2130 | | S-ino Profira Ciobanu,Str. Miozitei BL.A8 App. 7,5100 Buzan, Romania |
| 2131 | | S-ino Eparaskeva Bojiagieva,ul. Skobelev,4002 Plovdiv, Bulgario |
| 2132 | | S-ino Veronica Colabene, Blindula akompananto |
| 2133 | | S-ino Anisa Proda,R.R. Riza Cerova 86/1,Tirana, Albanio |
| 2134 | | S-ino Laura Stefanini,Via Di Vittorio 9 ,60019 Senigallia, Ancona Italio |
| 2135 | | S-ino Valentina Carletti,Via P.Castaldi, 9 ,00153, Roma - Italio |
| 2136 | ragr-j | S-ro Rochelle F. Grosman,80-50 Baxter Av. 30 ,Elmhurst, NY 11373 Usono |
| 2137 | | S-ino Beatrice Devais,10 Rue Despagne ,44000 Nantes, Francio |
| 2138 | | S-ino Madalen Billieux,12 rue de la Combriou ,49120 Chemille Francio |
| 2139 | snbe-g | S-ro Snorre Benum,Betzy Kjelsbergsvei 3A,0486 Oslo - Norvegio |
| 2140 | sera-z | S-ino Natalie Sera,135 Stoker Ave. ,Reno, NV 89503 Usono |
| 2141 | | S-ro Washington Pinheiro Silva,Quadra 10 Casa 50A ,Brazlandia Setor Norte Brazilo |
| 2142 | | S-ro Zack Noah,1103 Arnoldsville Rd,Winterville, Ga Usono |
| 2143 | | S-ro Jacque Cotton,1 rue Alfed Bertholov 01000,Bougen B. Francio |
| 2144 | | S-ro Nicolas Castillon,7 Avenue Rossina 83 ,790 Pignans Francio |
| 2145 | | S-ino Christian Castillon,7 Avenue Rossina 83 ,790 Pignans Francio |
| 2146 | | S-ino Elizabeth Stanley,Frome House, Frome Gardens,Strond, Glos, GlS4LE Britio |
| 2147 | | S-ino Rosa Stanley,Frome House, Frome Gardens,Strond, Glos, GlS4LE Britio |
| 2148 | | S-ino Nelly Martinez Mateos, Meksiko |
| 2149 | | S-ro Christer Lornemark,Basungatan 22 SE-656 36, Ralstad, Svedio |
| 2150 | jeha-f | S-ro Georgo Handzlik,Bielsko-Biata, Braterska 41 Pollando |

**MARDON, LA 1an DE AŬGUSTO, 14h30/16h30 en Salono Canuto**

**La lingvaj profesiuloj atestas...**

"Terminologiaj demandoj aperas ĉiupaŝe en nia redakcia laboro" deklaras Barbara Pietrzak, estro de la E-a redakcio de Pola Radio. "Jen alvenas depeŝo parolanta pri nova uzino, aŭ pri sensacia malkovro de polaj arĥeologoj, kaj ni devas traduki ĝin al Esperanto, trovante ĝustajn ekvivalentojn por ĉiu pola fakvorto. Kompreneble ekzistas vortaroj, sed ili ne ĉiam sufiĉas aŭ komplete kongruas kun la bezono." La redakcio pretigas ankaŭ pollingvajn tradukojn de la plej interesaj leteroj de siaj aŭskultantoj por la eksteraj instancoj. Ĉeokaze aperas tiklaj demandoj i.a. se la korespondanto ne konas ĝustan fakvorton kaj uzas perpleksigan memelpensaĵon.

Tiajn problemojn frontas pli-malpli same ĉiu profesia E-isto, eĉ se li laboras en kampo tute ekstera al la t.n. sciencoj kaj teĥnikoj. "Tro ofte oni rilatigas terminologion nur kun sciencaj fakoj" konstatas Wera kaj Detlev Blanke, konataj fakuloj pri terminologio, "sed ĉiu fako bezonas fakvortan provizon, ankaŭ poetiko aŭ kuirarto ĝin bezonas. Pro la kreskanta signifo de fakaj aferoj en la ĉiutaga vivo ne malmultaj el tiuj fakvortoj neeviteble aperas en nefakaj tekstoj, skribaj aŭ parolaj".

Konfirmas tion la spertoj de István Ertl, kiu prilaboras tekstojn publikigatajn de Eŭropa Unio kiel oficialajn, alia nescienca kampo, en kiu proksimumaj tradukoj ne estas bonvenaj! "La Eŭropa Revizora kortumo produktas ĉiujare dikan raporton, kaj dekojn da diversaj opinioj kaj specialaj raportoj, por kiuj necesas traduko al ĉiu Unia lingvo. Mi okupiĝas ĉefe pri la hungaraj tradukoj, kaj imagu, ke ĉiu agad-tereno de la Unio, al kiu etendiĝas la revizora laboro de nia Kortumo, havas sian terminaron, de bovobredado tra instru-helpiloj ĝis esplorado de drogoj. Cetere, la hungara, kiel relative nova Unia lingvo, estas interesa ekzemplo por ni E-istoj, ĉar ni ofte alvokas al oficialigo de Esperanto. Kion do fari por pretigi la lingvon al tia eventualaĵo?"

Surbaze de siaj spertoj debatos kun la publiko en la hodiaŭa Terminologia Forumo Barbara Pietrzak kaj István Ertl, kune kun Detlev Blanke, kiu alportos sian teorian prilumon, kaj Marc Bavant, direktoro de la Sekcio pri faka lingvo de AdE, kiu gvidos la aranĝon.

**Marc Bavant**

### Por kontakti la redakcion:

- Vi povas VENI al la Gazetara Servo, en Salono Fighiera-Sikorska, teretaĝe, en la kongresejo;
- aŭ Vi povas SENDI retpoŝtan mesaĝon al adreso: <kontaktu-lilion@yahoo.com>
- aŭ Vi povas TELEFONI al itala poŝ-telefono: (+39) 338 860 20 84. Al ĝi Vi povas sendi ankaŭ SMS'n.

**Por la realigo de ĉi tiu 3a Lilio, kunlaboris**
**Carlo Sarandrea, Gianluca Campanella kaj Maria Beloŝević**



N-ro 4 - 2006.08.03

# Florenca Lilio

KURIERO DE LA 91A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## NI ESTAS DUMIL DUCENT TRI

*(lasta listo de aliĝintoj je paĝo 4)*

## LA DU NOVAJ HONORAJ MEMBROJ DE UEA

**Umberto Broccatelli** (1931), Italio. Broccatelli esperantiĝis en 1947 kaj tuj ekaktivis movade, estante unu el la refondintoj de Bolonja E-Grupo kaj ĝia sekretario dum kelkaj jaroj. Samjare li aliĝis al Internacia E-Ligo, kiu tuj poste kunfandiĝis kun UEA. Li kunorganizis nacian kongreson en Bolonjo en 1952 kaj la 4a-an UK samurbe en 1955. En 1980 li estis elektita al la Nacia Konsilio de Itala E-Federacio. Li restis konsiliano de IEF ĝis 2005 kaj plurfoje, ĝis 1999, membris en ĝia estraro. De 1989 ĝis 2002 li redaktis la organon de IEF, *l'esperanto*. Li iniciatis la aliĝon de IEF al la Itala Konsilio de la Eŭropa Movado, en kies gvida komitato li poste reprzentis IEF. En 1999 li reaktivigis Eŭropan E-Union, kiun li prezidis, ankaŭ redaktante ĝian informilon *Eŭropa Bulteno*, de 1999 ĝis 2004, kiam li refariĝis honora prezidanto de EEU. Broccatelli aŭtoris la vortarojn *Vocabolario Esperanto-Italiano* (1984) kaj *Dizionario Italiano-Esperanto, Esperanto-Italiano* (2004) kaj la lernolibron *Nuovo Corso di Esperanto, per allievi e autodidatti* (1993). Li multe artikolis pri lingvaj demandoj de Esperanto, pri kiuj ankaŭ lia broŝuro *Esperanto, lingvo planebla* (1996) kaj pri eŭropaj aferoj. Li prizorgis la E-eldonon de la gazeto La partio Nova de Transnacia Radikala Partio. Broccatelli tradukis ankaŭ beletraĵojn, i.a. por *Itala antologio* (1987).

**Prof-ro d-ro Otto Haszpra** (1928), Hungario. Haspra estas emerita profesoro de la hidro-konstrua katedro de la Teknika Universitato de Budapeŝto, eksperto de UN, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj. Liaj sciencaj publikaĵoj nombras ĉ. 300 en sep lingvoj. Haspra lernis Esperanton en 1958. Li estas membro de Hungaria Esperanto-Asocio ekde 1962 kaj servis ĝin kiel komitatano (1965-1990), estrarano (1977-1990) kaj vicprezidanto (1981-1990). Li estas fakdelegito de UEA pri inĝenierado ekde 1972. Li estis komitatano de UEA (1980-1990) kaj estrarano pri faka agado (1986-1989). Ekde 2004 li membras en la Akademio de Esperanto. Haspra estis redaktoro de *Sciencaj komunikaĵoj* (1974-1979) kaj gvidanto de Scienca Eldona Centro de UEA en Budapeŝto (1981-1985). Li aperigis multe da sciencaj kaj popularsciencaj artikoloj en Esperanto kaj ofte prelefis. Li kunlaboris por la 6-lingva *Geodezia fakvortaro* (1976-1981) kaj por *Hungara-Esperanta meza vortaro* (1996). En 2000 aperis lia ampleksa E-lernolibro por hungaroj. Haspra aŭtoris la *E-dokumenton Esperanto-lingvo de natursciencoj kaj tekniko* 1887-1986 (1988) kaj studojn *La vera kosto de la multlingveco* (1978), *La natura ŝarĝo de la lingvolernado kaj ties radikala kosto de la malpliigo* (2002), *Egalrajteco kaj ekonomieco en la internaciaj rilatoj* (2005).

## MONTRANTE LA KONGRESAN INSIGNON

oni rajtas eniri SENPAGE en la ŝtatajn Muzeojn de Florenco (interalie: Uffizi, Accademia, Palazzo Pitti, Bargello, Cappelle Medicee, San Marco, Orsanmichele, Palazzo Davanzati, Cenacolo di Ognissanti, Cenacolo Andrea del Sarto, Cenacolo di Fuligno, Cenacolo di Sant'Apollonia, Chiostro dello Scalzo) kaj PER RABATITA PREZO (de 1 ĝis 3 eŭroj) en la Komunumajn Muzeojn

**GRAVE! Oni perdis du kap-aŭskultilojn utiligatajn dum ekskurso D3-Uffizi Galerio (la 29an de julio kaj la 1an aŭgusto). Tiuj kiuj retrovis ilin estas petataj porti ilin ĉe la giĉeto ekskursoj.**

**RAPORTO PRI LA MEDICINISTA KUNVENO** - Marde, la 1an de aŭgusto en salono Migliorini kunvenis 46 gekolegoj el 17 landoj. D-ro Imre Ferenczy prezidanto de UMEA gvidis la kunvenon. Li raportis pri la agado de la Asocio. Antaŭnelonge aperis grava verko Esperanta-Angla medicina terminaro. La aŭtoro estas japana profesoro d-ro Saburo Yamazoe, nun 98-jara. S-ino Katarina Farago (H) raportis pri la ĵus okazinta 4-a Eŭropa Medicina Esperanto-Kongreso, kie ĉeestis 80 personoj el 7 landoj. Kadre de la jarkunveno dro L. Molnar prelegis pri la Pasiva antitumora defenda sistemo. UMEA festos sian 100-jaran fondiĝdatrevenon en jaro 2008. ***Raportis d-ro I. Ferenczy, KN 040***

En Salono "Stoppoloni" okazis (1.8) ĉefkunveno de **IPTEA**. Vicprezidanto Draguŝko Petrov, tralegis detalan raporton okaze de 60a jubileo de la asocio. Pri la raporto debatis s-ro Marcel Delforge (B), s-ro Piliponis (LT) kaj Inumazu Fumio (J). Post la jubilea raporto estis elektita nova Estraro de la Internacia Poŝtista kaj telekomunikista Esperanto Asocio (IPTEA). ***Raportis Draguŝko Petrov, KN 463***

ì**EKUMENA DISERVO** - Pli ol 400 gekongresanoj kolektiĝis dimanĉon posttagmeze en la preĝejo sankta Laŭrenco por ĉeesti la Ekumenan diservon. Ĉi-tradician eron de la UK-oj ĉi jare gvidis S. Hawkes Teeples, B. Eichkorn kaj G.Berveling. Tuj post la ekumena diservo sekvis la dimanĉa meso kiun kuncelebris kvin katolikaj pastroj ĉeestantaj en la kongreso.

**KUNSIDO DE IKUE-KELI** - Kristanaj esperantistoj havis eblecon ankaŭ dum ĉi UK kunsidi, informiĝi kaj pridiskuti la nunan kaj estontan agadon. G. Berveling prezentis la projekton pri la traduko kaj eldono de la tuta Biblio en esperanto. B. Eichkorn informis pri aliaj eldonaj projektoj kaj reatentigis pri la "perlo de la E-literaturo" ekumena preĝ- kaj kantlibro ADORU. M. Beloŝeviĉ kaj C. Sarandrea prezentis la agadon de IKUE, inter kiuj oni aparte devas substreki la ĉeeston de IKUE en la 2a Tutmonda kongreso de la ekleziaj movadoj kaj novaj komunumoj okazinta komence de junio en Rocca di Papa. La ĉeestintoj en la kunsido ankaŭ havis eblecon aŭdi pri la ĉi jara IKUE kongreso okazinta antaŭ tri semajnoj en Velehrad (CZ) kaj pri la venontjara Ekumena Esperanto-Kongreso en Pelpin (PL).

**Okazis la kunveno de M.E.L.**, Muzika E-ligo. Elektiĝis nova estraro: Alan Bishop, prezidanto; Jennifer Bishop, sekretario; J. de Cus Heros, redaktoro. Honora membro: Da vid Goines, komponisto. La kotizo de 5 EUR pageblas al UEA-konto de M.E.L. por abono de gazeto.

En la prelego pri **"Sanigo per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning"**, d-ro med. Dölzlmüller prezentis la saniĝon de pli ol 30-jara virino de denaska malbona aŭdkapablo. La aŭdolinio faritaj antaŭ kaj post la saniĝo klare montris la rericevon de la plena aŭdkapablo ambaŭflanke. La efikon de la spirita sanigoforto d-ro Dölzlmüller komparis kun la homeopatio. Detlev Meier raportis pri la saniĝo de perturboj de la manĝkutimo kaj deprimoj. Helpe de lòa instruoi de Bruno Gröning li evitis la pensiuliĝon en aĝo de 32 jaroj. Harald Hombach ricevis saniĝon de dorsodoloroj, kies staton eĉ fakkliniko pri doloroj ne povis plibonigi. Krome Gerharel Schäffler raportis pri saniĝo de astmo. Ripetoj de prelego estos ĵaŭdon kaj vendredon je 9h00 en salono Stoppoloni.

**Delegacio de la kongreso** estis akceptita ĉe la **Urbodomo** "Palazzo Vecchio", en Salono "dei Cinquecento", mardo je la 18a. Dum la ceremonio, sub la mirinda freskoj, okazis interŝanĝo de bondeziroj kaj donacoj kun la esperantistaj reprezentantoj de la urboj ĝemelitaj kun Florenco: Kievo, Kioto kaj Sidnejo.

**Mesaĝo de la urbestro de Kyoto al la urbestro de Florenco**
Altestimata sro Leonardo Domenici, urbestro de Florenco
Kara s-ro Domenici, mi ŝatas esprimi sinceran dankon pro via kunlaboro por niaj ĝemelurbaj amikecoj.
Al mi estas granda plezuro sendi salutmaeaĝaon al vi kaj al la urbanoj en Florenco okaze en la vizito de la delegacio de Kioto-Esperanto-Societo.
Kioto-Esperanto-Societo estis fondita en 1974 kaj efike disvastigas Esperanton kiel internacian komunan lingvon por paco de la mondo per la partopreno ne nur en kulturaj eventoj de Kioto, sed ankaŭ per interŝanĝo tra la urboj de la tuta mondo, inkluzive de niaj ĝemelaj urvoj Prago, Zagrebo kaj aliaj.
La delegacio vizitos vian urbon kiel partoprenantoj el Japana-Esperanto-Instituto al la 91a Universala Kongreso de Esperanto. Mi aŭdis, ke la kongresa temo estas "Lingvoj, kulturoj kaj edukado al daŭrigebla evoluo" kaj en la programo okazos speciala kunveno de ĝemelaj urboj de Florenco. Tial la delegacianoj esperas interamikiĝi por niaj du urboj.
La kulturaj kaj internaciaj interŝanĝoj inter ambaŭ urboj havas gravan signifon por internacia bonvolo. Tial mi ŝatas peti vin pri via bona subteno al ilia aktivado por plua pliboniĝo en niaj ĝemelurbaj rilatoj.
En la fino mi esprimas al vi mian deziron por via bonfarto kaj kontinuan prosperon al via urbo. Sincere via, **Yorikane MASUMOTO**, urbestro de Kioto

**RAPORTO de la LINUKS-UZANTOJ KUNVENO.** Ĝi okazis lunde matene en Salono Stoppoloni, alvenis pli ol 30 personoj Ni diskutis pri la nova estonta asocio LUG-ESPERANTO (Tutmonda Esperanta Asocio pri LIbera Programaro), Ni unue fine de augusto kreos dissendoliston kaj tuj poste portalon. Ni ricevis subtenon de reprezentanto de FLUG (Firenze Linux Users Group), s-ro Finori, kiu persone alvenis en nia salono. Post interesaj intersangoj, ni finis la kunveno per foto kun representanto de FLUG, kelkaj ĉeestantoj, kaj Prez. Corsetti. Kontakto pri tiu asocio estas provizore ĉe: lug-esperanto@orange.fr

**Kunsido pri Landa Agado**
Pli ol 40 esperantistoj, kaj inter ili, reprezentantoj de landaj asocioj kiel Danlando, Finlando, Kroatio, Japanio, Kubo, Nederlando, Rumanio kaj Svedio, partoprenis la kunsidon pri landa agado por pritaksi nunajn fortojn kaj mankojn rilat la agadon de la movado en la ĉefaj agad-direktoj de la movada laborstrategio. Oni konstatis la bezonon plikonsciigi la landajn organizojn sendi reprezentantojn al tiu ĉi grava kunsido kaj pledis por pli da kunlaboro en la koncernaj organizoj, revarbado de iamaj membroj kaj pli da integriĝo en la socio per partopreno en eksterasociaj aktivaĵoj, k.c.
La diskuto estis vigla malgraŭ ne ĉeesto de pluraj formalaj reprezentantoj kaj konfirmas la validecon de tiuj ĉi kunsidoj, kiuj devas ricevi pli da subteno de landaj kaj lokaj reprezentantoj.
*Raportas M. Gutiérrez* - KN 76

***Kongresa Limeriko***
*Simbol' de kongres' en Florenco:*
*la eta David' sen potenco*
*venkanta giganton.*
*ĉu ne Esperanton*
*ektrafos la sama tendenco?*
***Otto Prytz** – KN 732*

## Invitoj

**Ĵaŭdon, la 3an de aŭgusto, Salono Minnaja, 9h00-9h45:** Hinda kontribuo al la mondo de scienco kaj matematiko. Antikvaj hindoj estis famaj en ĉiuj bazaj sciencoj kiel matematiko, astronomio, botaniko, anatomio, kemio, medicino ktp. Ĉi tiu prezento de Manjula Devi, direktorino de la I.T.I. Centra lernejo en Bangaloro (Hindio) klopodos disvastigi la scion de hindoj kun la monda frataro

**Helpu al EEU-agado: Sendu poŝtkarton al via EU-parlamentano! -** La estraro de EEU petas EU-loĝantojn pri jena "desubisma" agado, kiu povus re-levi la konscion ĉe EU-deputitoj pri Esperanto. Ĉiuj EU-parlamentanoj ricevis ankaŭ ĉi-jare inviton al ĉi-jara 91-a UK. Venis bedaŭrinde neniu. Por daŭre konsiigadi la parlamentanojn pri Esperanto, EEU-estraro petas vin ĉiujn: sendu al via parlamentano (prefere tiu, por kiu vi voĉdonis) poŝtkarton de la Kongreso, kun simpla teksto, kiu povus esti simila al: *Saluton el **Universala Kongreso de Esperanto**, okazanta en Florenco inter 29a de julio ĝis la 5a de aŭgusto 2006. Venis ĉ. 2200 homoj el pli ol 60 landoj. Ni bone kaj kore pasigis kune la tempon. Vi mankis al ni. XY (propra nomo) - via voĉdoninto.* La adresaro de ĉiuj parlamentanoj troveblas en subteretaĝo (ejo "**Giĉetoj**"), je la informtabulo kaj sur unu tablo de la giĝetoj samloke. PS: Septembre ricevos ĉiuj EU-parlamentanoj de EEU foto-mozaikon de UK (por tiel daŭre kaptadi ilian atenton kaj memorigi ilin pri la "artefarita" lingvo.)

**ITALOJ: ATENTU! -** Ĉiu italo aliĝinta al la 91a Uk kaj ĉeestanta en Florenco ekde 2006-08-01 ricevas donace tre interesan DVD: ĝi utilas kaj por informado pri Esperanto (en pluraj lingvoj) kaj por kleriĝo lingva (ĝi enhavas plurajn vortarojn, kursojn, gramatikojn, lernilojn plej diversajn, kanzonojn, ktp). La italoj povas ricevi sian kopion ĉe la giĉetoj kie ili ricevis la kongresajn dokumentojn.

**FKEA -** Franca Katolika Esperanta Asocio planas pilgrimon al Sankta Jakobo de Kompostela, julio de 2008, kiel plej eble videbla manifestacio por Esperanto. Petu informi de KN 597

**Korekto:** UNIKOM serĉas kunlaborantojn por ĉiuj lingvoj, krom tiuj menciitaj en la kongresa kuriero nr. 1.

**Bildoj por Florenco.** Post la prezentoj dum la UK'oj en Prago kaj Gotenburgo, Franz-Georg kaj Rita Rössler pretigis por la nuna kongreso diversajn bildseriojn omaĝe al Florenco, kun aldono de aliaj bildoj precipe pri Italio. La kolekto nomiĝas "Ja en mi / Itali'". Pro neebleco ekspozicii la bildojn, la pentristoj kreis KD-on kun ĉiuj artaĵoj, kiun ili liveris al Osmo Buller por la Biblioteko Hodler kaj por atentigi ke ankaŭ bild-arto ĉeestas inter la kongresanoj. Aliaj bildoŝatantoj povas ricevi la KD-on postkongrese. Ili senhezitu petu ĝin al la homoj malntaŭ la KN'oj 800 kaj 801.

En vendredo je 15h00-16h15 en Salono Lapenna okazos **aŭkcio**, kies gvidanto Humphrey Tonkin ĉiufoje faras el ĝi aranĝon piroteknike spektaklan. Kvindeko da libroj k.a. objektoj, inter kiuj multaj raraĵoj, atendas novan posedanton. Se mankas al vi "Tra la Esperanta Literaturo" de pastro Giambene kun lia aŭtografo el la jaro 1907 aŭ numeroj de "Roma Esperantisto" el 1908, jen okazo akiri ilin. Kaj kiu estus pli trafa loko por aĉeti la unuan E-romanon verkitan de virino, "Lilio" de E.A. Sinnotte, ol Florenco? La spektaklo kulminos en la konkurso pri kongresnumero 1 de la 92a UK en Jokohamo.

**INTERNACIA ARTA VESPERO -** Ĉiuj artistoj, kiuj ricevis jesan respondon pri sia propono lunde, venu vendrede je 14h00 en salono Zamenhof por provludi. (Salono Zamenhof en la fortikaĵo). Tio same validas por Marĉella Fazani, Jean-Thierry von Büren, Julian Hernandez, Andrei Korobejnikov, Vida Jerman, Ĵomart kaj Nataŝa kaj Carina. *Mireille Grosjean helpanto por IAV (kn 291)*

**Junuloj malpli ol 30-jaraj kapablaj dum 10 minutoj pritrakti unu el la temoj indikitaj en la KL paĝo 56, sen antaŭpreparita teksto, estas invitataj partopreni en la**

**ORATORA KONKURSO**

**kiu okazos vendredon de 9h00 ĝis 10h45 en Salono Canuto. Akceptu la defion, anoncante Vin al Claude Nourmont (KN 79)**

## Leteroj

Gratulon al la redaktantoj kaj kontribuantoj de la "Kongresa kuriero" - ĉi-jare "Florenca Lilio" – kiu, pere de mi, vaste diskoniĝas tra la mondo pere de la reto. Jam centoj da e-istoj legas ĝin, samkiel la informojn pri la prikongresaj raportoj de Radio Polonia kaj Ĉina Radio Internacia (ĉi-lasta aperigis ankaŭ fotojn pri la kongreso). La informojn pri la kongreso en Florenco mi liveris pollingve al ĉ. 20 polaj ĵurnalistoj (miaj personaj konatoj) kun citaĵoj el la parolado de Ludoviko Zaleski-Zamenhof. Kion ili efikos mi ne scias, sed mi rekomendas, ke kompetentaj ĵurnalistoj provu atingi siajn geakolegojn per nacilingve prilaboritaj kongres-informoj, kiujn oni povas ĉerpi ĝisdate el la kongresaj kurieroj, Radia Polonia kaj Ĉina Radio Internacia(*). Gratulon! Daŭrigu kaj ni niaflanke utiligos ĉion! La aŭskultantoj de radiostacioj uzantaj Esperanton tutspeciale atendas raporton pri la konkludoj dela renkontiĝo de la aŭskultantoj, kiu okazis, sed pri kiu ĝis nun ne aperis raporto en la "Lilio". ***Andreo Pettyn, iama estro de la E-elsendoj de Pola Radio***

*(*) eblas ankaŭ ĉerpi informojn el www.uk2006.info/rassegnastampa, kolekto de gazetaraj depeŝoj kaj publikigitaj artikoloj, prizorgata de la gazetara servo de la 91a UK (gvidata de Bruĉjo Kasini).*

Dankon pro viaj kurieroj, kiuj donas al ni, kiuj ne povas partopreni en la kongreso bonegan informon pri okazaĵoj dum la UK. Mi deziras daŭran sukceson en viaj laboroj. Kore salutas vin, **Aira Kankkunen**

Karaj, dankon pro la belaj Lilioj, kiujn vi oferas ankaŭ al ni neĉeestantoj! Kuraĝon al vi, spite al la tempo-premo kaj la teknikaj problemoj... **James Rezende Piton**, ĉefdelegito por Brazilo, kunordiginto de "La Bela Songô de l'Omaro", kuriero por la 87-a UK en Fortalezo

Mi serĉas esperantistojn kiuj okupiĝas pri pentroarto (pentristoj, grafikistoj, galeristoj). **Adam KN 1845**

## lastegaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2188 | | S-ro Péter Hompasz, Wesselényi u. 2, 9700 Szombathley, Hungario |
| 2189 | | S-ro Giorgio Bonfico, Via San Marco 93, 35129 Padova, Italio |
| 2190 | | D-ino Judit Horvàth, u. 2, 9700 Szombathley, Hungario |
| 2191 | | S-ino Kudo Madoka, 2504-3-201, Kamitsu-machi, Kurume-shi, Fukuoka 830-0052 Japanio |
| 2192 | tlpi-w | S-ro Tobe L. Pittman, Usono |
| 2193 | pase-t | S-ro Patrick Segur, 33, rue Galilèe, 75116 Paris, Francio |
| 2194 | didi-h | S-ro Dietrich Michael Weidmann, Akazienstr. 6, Poŝtfako 58, 8034 Zurich, Svislando |
| 2195 | | S-ino Nelida Weidmann, Akazienstr. 6, Poŝtfako 58, 8034 Zurich, Svislando |
| 2196 | | S-ino Marie Bellemare, 1445 Locwell #2, Québec QC IRIV6, Kanado |
| 2197 | | S-ino Irina Gerasimova, Krasnaja 4/2 Gurzuf, Yalta, Ukrainio |
| 2198 | | S-ro Antonio Moreira Filho, R. Pinheiro de Azurara 87, Parque São Rafael, São Paulo 08311-220, Brazilo |
| 2199 | neno-h | S-ro Neven Kovačić, 85, avenue Huart-Hamoir, 1030 Bruxelles, Belgio |
| 2200 | vgnd-o | S-ro Laurent Vignaud, 3 allée du Haras, Appt. 132, 49100 Angers, Francio |
| 2201 | ueli-f | S-ro Ueli Haenni, Linckweg 2, 3052 Zollikofen, Svisio |
| 2202 | | S-ino Simona Rossi, Linckweg 2, 3052 Zollikofen, Svisio |
| 2203 | | S-ro Stefan Goes, Ruitingenstraat 8, 8400 Oostende, Belgio |

**Aĉetu ĉe la libroservo la eldonaĵojn kiuj aperis premiere dum la nuna UK:**

**Esenca lernolibro de la itala lingvo** Guerra edizioni - Marco Mezzadri - tr. Davide Astori kaj aliaj
**Gvidlibro pri FLORENCO -** El gvidlibro de T.C.I. - tr. Pier Vittorio Orlandini La aŭtoro
**Ksenofobia gvidlibro al la italoj** IEF - Martin Solly - tr. Anna Lowenstein
**La Malemuloj** Edistudio - Giovanni Verga – tr. Giancarlo Rinaldo
**La princo** IEF **-** Nicolò Macchiavelli - tr. Carlo Minnaja
**La gefianĉoj** IEF **-** Alessandro Manzoni - tr.Battista Cadei
**Le radici culturali dell'esperanto** Il segno dei Gabrielli - Comenio - red. Giordano Formizzi

## ĉu parencoj?

**Francesco Maurelli KN 97 kaj Ho Chi Minh**





## Por kontakti la redakcion:

- Vi povas VENI al la Gazetara Servo, en Salono Fighiera-Sikorska, teretaĝe, en la kongresejo;
- aŭ Vi povas SENDI retpoŝtan mesaĝon al adreso: <kontaktu-lilion@yahoo.com>
- aŭ Vi povas TELEFONI al itala poŝ-telefono: (+39) 338 860 20 84. Al ĝi Vi povas sendi ankaŭ SMS'n.

Por la realigo de ĉi tiu 2a Lilio, kunlaboris Giovanna Licciardello, Carlo Sarandrea kaj Marija Belošević

## Eŭropa Klubo kaj AIS invitas partopreni en modeleksperimento.

La filozofi-profesoro d-ro Johannes Heinrichs, vicprezidanto de Eŭropa Klubo, argumentas en germanlingva libreto pasintjare aperinta por subdivido de la parlamentoj en kvar ĉambrojn respondecaj respektive pri financoj kaj ekonomio, pri juro kaj regiona strukturigo, pri lingvo kaj kulturo kaj pri bazajvaloroj kaj mondkonceptoj.

Pasintjarfine en Trier (dum IF 23) la estraroj de Eŭropa Klubo kaj de AIS decidis kune realigi dum 2006 kaj 2007 modeleksperimenton pri la funkciado de tia ĉambro respondeca pri la lingvopolitiko kaj kulturpolitiko sur la nivelo de la Eŭropa Unio. Oni ekkolektis jam kandidatojn el ĉiuj nunaj kaj antaŭvidataj EU-landoj (el „Eŭropio“) kaj iniciatis interretan diskuton pri estonta laborregularo.

La modelparlamento konstituiĝos la 3an de septembro 2006 en Komarno (SK) fine de la 29a Sanmarineca Universitata Studadsesio (SUS) de AIS.

La elektoj okazos rete el inter la eŭropiaj membroj de la portantaj organizoj. EK kaj AIS invitis jam individue aliajn organizojn apogantajn neŭtralan lingvopolitikon por EU, precipe EEU-n, fariĝi kunportantoj de la eksperimento.

Bonvenaj estas la kunlaboro ankaŭ de ne jam invititaj tiaj organizoj – kaj la kandidatiĝo de membroj el ili.

Informas EK-vicprezidantino kaj AIS-vicsenatanino Prof.Dr.Polakova (KN 1533), kiu momente preparas SUS 29. Frank, KN 140.



N-ro 5 - 2006.08.04

# Florenca Lilio

KURIERO DE LA 91A UNIVERSALA KONGRESO DE

*Tuta tago sidante ĉe komputilo por tajpi la alvenantajn informojn por la Florenca Lilio pruvis, ke UK kuntrenas lavangon da eventoj por raporti; sed ankaŭ ke la esperantistoj malavare helpas por la realigo de la kongresa kuriero. Ĉi tiu numero plenplenas je raportoj, ĉiuj aŭtentikaj, fidindaj, veraj.... krom unu. Kiu, la unua, divenas kiun, tiu ricevos kafon de la redaktoro.*

## KALEJDOSKOPA SERIO DA EVENTOJ

### Okazis...

**Ĵaŭde la estraro respondis.** Dudek bone pripensitaj demandoj estis la rikolto de la ĵaŭda programero "Estraro respondas". Estis tri specoj da demandoj: pri la agado, pri la financoj, pri la nuna kongreso. En la lasta minuto venis grava kaj ampleksa demando, kion UEA konkrete faras por disvastigi esperanton ekster la kongresoj. Aliaj demandoj pri agado temis pri Eŭropa Unio, pri Afriko, pri komputiloj kaj pri UEA kiel lerno-pova organizaĵo. Ekonomiaj demandoj temis pri eblеco de subvencioj kaj pri rentumoj. Konkretaj kongresaj demandoj temis pri manĝejoj, ekskursoj, eblеco mendi la kongresan numeron de Revuo Esperanto, kaj pri salutoj al la kongreso. Ĉiuj demandoj ricevis mallongajn respondojn, kaj pluraj el ili estos plie pripensitaj en la estrara laboro. *Raportis Ulla Luin, KN 81*

**Ĝemelurbaj agadoj.** La kunsido pri ĝemelaj urboj okazis ĵaŭde en Florenco laŭ la programo en Salono Grazzini kun partopreno de pli ol 40 esperantistoj, kiuj multe interesiĝas pri la nuna stato de tiu agado kadre de UEA kaj raportis mem pri diversaj iniciatoj. La kunsidon gvidis la estrarano pri landa agado kiu koncize raportis pri la agado de la UEA-komisiito s-ro Wu Guojing el Ĉinio. Oni aŭdis informon pri la agado de la E-centro de Herzberg kaj la ĝemeliga rilato kun la pola urbo Gora el Pollando. Aliaj partoprenintoj prezentis agadojn faritajn en Eŭropo por projekto "fariĝu lingva ambasadoro", ankaŭ pri spertoj entreprenitaj en Kioto, Kievo, Parizo, en Bulgario, Belgio, Hungario, Kroatio kaj aliaj. Oni povis konfirmi la gravecon de tiu agado kiel konkreta maniero utiligi esperanton kiel ilon por amikeco, interfratiĝo interpopola. *Raportis: M. Gutierrez, KN 76*

**Interesa vizito al komerca ĉambro de Florenco -** matene 25 personoj ĉeestis prezentadon en la kongresurba komerca ĉambro. D-ro Martinuzzi, estro de ĝia disvolviga sekcio, skizis la strukturon kaj funkciadon de la ĉambro kaj donis ĝeneralajn informojn pri la ekonomia vivo en la provinco Florenco. Finiĝis la kunveno per interesaj diskutoj dum agrabla bufedo. *Raportis: Roland Rotsaert, KN 209*

Ĵaŭde je la 15h30 **Giuliano Tulone,** juĝisto, el rimarkindaj teatraj kapabloj, prezentis 2 diversajn pecojn. En la unua, post esti priskribinta *"gramelot"* (onomatopea recitado, per "vortoj kiuj signifas nenion sed elvokas la sonojn de lingvo) imitis per ĝi la italan lingvon kaj esperanton, por legi pecon el la freŝa traduko de la "Gefianĉoj". Poste li legis la unuajn 7 tercinojn de la Dia Komedio en deko da lingvoj, inkl. de E-o, laŭ la plej bonaj ekzistantaj tradukoj kaj imitante tipan deklamanton de ĉiu lando, karakterizita laŭ lando kaj profesio. En la dua parto de la spektaklo li prezentis unu el la plej famaj monologoj: "Pri la malutilo de la tabako" de Ĉeĥov – tragik-komedio ĵusdate retradukita en E-on de Korĵekov – en kiu, iom humure kaj dramece, aperas oratoro devigita paroli fare de sia tiraneca edzino: la prelego pri tabako transformiĝas en patosan korelverŝon pri lia malfeliĉa vivo. Inter la du partoj de la spektaklo, ludis muzikan interludon flutistino Lidija Gomilickaite-Grudzinskaite el Litovio. **Dua surscenigo: vendredon la 4an de aŭgusto, je 11h15, Salono Canuto.** *Raportis Ermigi Rodari, KN 314)*

**Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL)** organizis du kunsidojn. La unua, lunde, kunvenigis ĉirkaŭ 40 personojn por aŭskulti la prezentojn de Daniele Vitali, Alain Favre kaj Anita Perriĉ-Altherr pri la lingva situacio de Italio kun, krom la itala, 12 agnoskitaj lingvoj kaj pluraj aliaj... Tiujn prezentojn sekvis vigla diskuto. Ĵaŭde matene membroj de IKEL kunvenis por diskuti kaj voĉdoni pri la vivo de la asocio. *Raportis Nicole Margot, vicprezidantino, KN 1046*

**Vingustumado** (organizita kadre de la Junulara Programo) okazis en la kongresejo, ĵaŭde posttagmeze, kun la ĉeesto de pli ol 70 "volontuloj" kiuj malaperigis ĉirkaŭ 40 litrojn da itala vino (el 8 diversaj specoj). Dum la "gustumado" ĉiu ĉeestanto proponis el la nacia repertuaro tiujn kantojn, kiujn oni kutimas kanti dum vintrinkado. *Raportis Daniela Tagliafico, KN 2186*

**ELF-AREK RENKONTIĜO**. Filatelistoj, esperantaĵ-ŝatantoj, scivolemuloj, interesitoj BONVENAS je la renkontiĝo de E-ligo Filatelista. Rendevu-loko: **vendredon la 4an de aŭgusto** je la 17h00 ĉe enirejo de Palaco de Kongresoj. *Invitas: Elda Doerfler, KN 1014*

**Fervojistaj kunvenoj -** Dum la 91-a UK la fervojistaj esperantistoj havas sian programon. Jam dimanĉe post la inaŭguro la kongresa programo certigis preskaŭ unuhoran eblecon kunsidi, kie partoprenis 30 kongresanoj. La kunsidon gvidis s-ro István Gulyás kn 226), vicprezidanto de Internacia Fervojista Esperanto Federacio, komitatano "A" de IFEF de UEA. Li klarigas la opinion de la CO: ne eblas ĝustatempe informi la fakajn asociojn pri la datoj de la dumkongresaj kunsidoj. S-ro Romano Bolognesi prezidanto de IFEF invitis la fervojistajn gekolegojn por la lunde okazontaj tuttagaj aranĝoj, kiujn organizas la italaj fervojistaj esperantistoj helpe de la "dopolavoro ferroviario". Lunde la 31an de julio je la 10-a horo kolektiĝis kvindek kongresanoj el 14 landoj. Unue S-ro Gulyás malfermis la kunsidon, konigis la tuttagan programon. Poste s-ro Bolognesi prezidanto parolis pri la detaloj de la programo. Poste sekvis la raporto de la vicprezidanto pri la 58-a IFEF-kongreso okazinta en majo en la ĉina metropolo Ŝanhajo. Tiu ĉiu kongreso estis la unua, kiu okazis ekster Eŭropo. Tie ĉeestis 226 personoj el 18 landoj, inter ili 115 el Eŭropo. En Ŝanhajo okazis pluraj fakaj prelegoj, vizitoj al fervojaj instalaĵoj, ekzemple la funkcianta magnetŝveba fervojo. Post la raporto sekvis alparoloj de la landaj reprezentantoj kaj aliaj ĉeestantoj. Estis mencio pri la manko de la Esperanto-klarigoj de fervojaj horarlibroj. Fine de la kontaktkunveno la partoprenantoj komune vizitis fervojhistorian muzeon. Posttagmeze sekvis ekskurso per trajno al pitoreska montara regiono de Florenco al la urbeto Marradi. Marde la 1-an de aŭgusto denove kolektiĝis la fervojistaj esperantistoj en la salono Migliorini. István Gulyás gvidis la kunvenon, kiu denove parolis pri la ŝanhaja IFEF-kongreso, kaj anoncis , ke la venonta kongreso de IFEF okazos en Francio, en Parizo inter la 12-a kaj 19-a de majo 2007. Poste s-ino Sylviane Lafargue (KN 1000) detale informis la ĉeestantojn pri la venontjara IFEF-kongreso. Romano Bolognesi parolis pri la celo de la IFEF-organizo, kaj akcentis la gravecon de la kontakto kun Monda Unio de Fervojoj (UIC), kaj kun la Internacia Kultura organizo de la fervojistoj (FISAIC). La partoprenantoj faris demandojn pri la prezoj kaj loĝeblecoj kaj aliaj organizaj temoj rilate al la pariza kongreso, kaj aliaj fakaj eĉ movadaj temoj. *Raportis István Gulyás (kn 226)*

**TADEN (nefumantoj)** kunvenis mardmatene, samtempe kun publika kunsido de la Akademio, tamen 21-ope (9 landoj). La prezidanto Jan Bemelmans menciis la dekjaran agadon kiel Asocio de post la Praga UK. Por la bulteno "Puraj Pulmoj" (liverebla malpli koste interrete) bonvenas ĉe li eĉ nacilingvaj artikoloj. Li esprimis bedaŭron pro malsukcesaj procesoj en Usono de tabak-viktimoj kontraŭ fabrikantoj kaj ne akceptita popoliniciato de la nederlanda GAN al la parlamento. TADEN mem estas maltro konata inter esperantistoj, do necesas varbado. Relative granda deficito ne igas altigi la kotizon, pluraj ja pagas pli ol necese al la kaso. La eldono de "La Fume" de la aŭtoro prof. R. Molimard mem esperantigita, ne eblas al Kava Pech (Petro Chrdle) sen garantia kapitalo, kiun la kasisto kun ĉies helpo – kaj mecenato – esperas kolekti: 2000 EUR por 400 ekzempleroj. La usona situacio laŭ Arnold Victor estas kontentiga en pluraj ŝtatoj, kies registaro apogas nefumismon (Novjorkio). Ankaŭ trinkaĵestroj mem konstatas, ke la klientoj plejparte ne fumas. Italo Giovanni Conti disponigas grandan amason da poŝtkartformataj petiloj tri lingvaj, eldonitaj 100.000-kvante kun morala apogo de IEF: "Si prega di non fumare / bonvolu ne fumi". Henri trafiko. Pro la publika indiferenco li pledos severe kontroligi la fummalpermeson en sportejaj kafeterioj (1an de januaro 2007). Kuracistoj avertu malsaniĝintojn fumĉesi: se ili ne sekvas la konsilon, ili mem pagu la kurackoston. Momĉilo Krstiĉ surpriziĝis ke serba cigaredo produkisto ĉesis disdoni cigaredojn. La italojn laŭdas la kasisto, ke li – post konsekvenca purado al malobservantoj – nun ĝenerale rezignas pri fumado en publikaj lokoj. *Raportis R. Moerbeek, KN 85.*

**Lastaj subkomitataj kunsidoj -** Per du subkomitataj kunsidoj en la mardo finiĝis la vico de UK kunsidoj. Unu el ili temis pri landa kaj regiona agado, en kiu oni diskutis pri kunlaboro kaj informado en multaj formoj: kunlaboro inter junuloj kaj pliaĝuloj, kunlaboro inter landaj asocioj aŭ inter regionoj de lando, kunlaboro per projektoj. Estis diskuto pri projekto Indiĝenaj Popolaj, pri lingvo de Paco kaj pri semajno de Internacia Amikeco. La eblecoj de UEA pri parlamentaj kontaktoj kompare kun landaj asocioj estis menciitaj. La lasta subkomitata kunsido temis pri edukado kaj pri tiu temo UEA kunlaboras kun ILEI, la instruista organizaĵo. Oni diskutis pri trejnado por instrui esperanton kaj pri projektoj kaj seminarioj kiuj instruas instruadon. Aliaj diskutataj temoj estis ekzamenoj kaj edukado por interpretistoj el aŭ al esperanto. laste estis diskuto pri ideoj de universitat-nivelaj retaj projektoj. Raportoj el tiuj ĉi subkomitataj kunsidoj estos transdonataj al la Komitato vendrede. *Raportis Ulla Luin, kn 81*

**Kvindeko da kat-ŝatantoj kunsidis.** Pli ol kvindek interesiĝantoj atente sekvis en mardo la parolojn de Ingrid Nasholm, unue pri la malsano komuna al homoj kaj katoj manifestiĝanta per pligrandigo de la miokardia muskolo, kaj poste pri interrilatoj kato-homo. Francisco L. Veuthey, kiu ankaŭ gvidis la kunsidon, prezentis la gazeton "Folioj de Kat-amikaro", kiun li redaktas, kaj fine legis kortuŝan rakonton pri perdita katino, kiu, pere de sonĝo, jarojn poste, savis la vivon de sia antaŭa posedantino de pereo en hitlera mortkoncentrejo. Marjorie Boulton, la prezidantino de Rondo "Kato" / Esperantista Kat-amikaro, sendis salutojn. *Raportis F. L. Veuthey (KN 165)*

**LSG** - Lundon, post kvaronhora prokrasto, 36 kongresanoj sukcesis viziti la jarkunvenon de la Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG) en la salono Marignoni. Oni aŭdis raportojn pri agado en la franca gazetaro kaj televidservo kaj pri prelego dum la usona jarkunveno. Oni reelektis la malnovan estraron por dujara servodaŭro ĝis okazos jarkunveno dum la postsekva UK. Oni decidis aliĝi al internacia organizo LIGA post esploro per la estraro. Anonciĝis ekskurso al Lucca, Pisa kaj Torre del Lago. *Raportis: Toĉjo, KN 1402 - Arnoldo, KN 774*

**Koncerto de Andrej Korobejnikov -** Juna pianisto kiu pianludas de sia 5a jaraĝo ankaŭ dum ĉi UK regalas Esperanto-publikon per sia virtuoza prezento de la verkoj de famaj komponistoj: Beethoven, Schubert, Chopin, Musorgskij kaj Raĥmaninov. Kiuj pro la samtempa teatraĵo maltrafis lian koncerton ĵaŭdon vespere havos eblecon ankoraŭ aŭskulti lian koncerton **vendredon je la 11h15 en la salono Canuto** kaj dum la **Internacia Arta Vespero.** Ĉiukaze ni ankaŭ atentigas vin pri lia plurlingva TTT-ejo: <www.korobeinikov.com>

## Invitoj

**GRAVA ANONCO POR ITALOJ KAJ NE NUR -** La venonta numero de la nacia itala revuo "L'esperanto" estos tute dediĉita al la Universala Kongreso de Florenco (UK en Italio post pli ol 50 jaroj meritas iom da atento, ĉu?). Italoj estas varme invititaj kontribui al la redakto sendante fotojn, raportetojn, impresojn aŭ kion ajn rilatan al UK. Kompreneble ankaŭ neitaloj rajtas kontribui per siaj impresoj, aŭ eĉ plendoj (espereble malmultaj), kiujn ni certe konsideros post 50 jaroj, kiam estos organizita la venonta UK en Italio... Klopodu sendi ĉiujn kontribuojn ene de aŭgusto, laŭeble, aŭ se vi ne povas, kontaktu la redaktoron mem, por interkonsenti. Sendu ĉion al: revuo@esperanto.it (kaze de grandaj dosieroj, bv kontakti antaŭe la redaktoron por ke ili ne estu rifuzitaj de la adreso). **Pier Luigi Cinquantini**

**Helpu al EEU** – kiam Vi skribos al via(j) EU-parlamentano(j) informu pri tio al EEU kaj informu pri la rezulto, mi petas. *Heleno Fantom, reprezentanto al EEU de Britio, KN 2116*

**Filatelistoj (sed ne nur...).** Kiu ankoraŭ deziras stampigi siajn bildkartojn per la oficiala kongresa poŝto-stampilo, povas ricevi tiun servon ĉe la filatela giĉeto de la florenca centra poŝtoficejo ĝis 2006-09-07 (sepa de septembro 2006). Laborhoro de la giĉeto: ĝis sabato 2006-08-05: 8.15 – 19.30 / ĝis 2006-09-07 : 8.15 – 13.30 / Adreso : via Pellicceria, 3 – sportello filatelico. Por atingi tiun giĉeton: - iru al "Piazza della Repubblica" (inter la katedralo kaj Ponte Vecchio); rigardante la grandan triumfarkon atingu la maldekstran arkadaron; eniru la grandan poŝtoficejon kiu situas tie kaj petu pri la giĉeto *sportello filatelico.*

**Kolektantoj (sed ne nur...).** Vi povas tre facile provizi al vi kaj al la Esperanto-movado valoraĵojn. Kiel? - Iru al la giĉeto kie oni vendas la oficialajn artajn bildkartojn (kie vi ricevis la dokumentojn); - Tie vi povas stampigi la aĉetitajn bildkartojn (plus eventualajn kromajn paperaĵojn viajn) per: stampilo simila al la oficiala kongresa poŝto-stampilo, · stampilo kun jenaj titoloj: prezidanto, vic-prezidanto, sekretario, trezoristo, taŭga por kolekti subskribojn de elstaruloj de ajna organizaĵo (UEA, Itala Esperanto Federacio, LKK, ajna landa sekcio, ktp). Liberigu vian fantazion, postĉasu gravulojn por subskribo kaj disponigu por venontaj aŭkcioj.

La **festa disdono de la atestiloj pri la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA** okazos vendrede je la 10h45 en la salono Migliorini. Sian diplomon transprenos 10 personoj (3 mezniveluloj kaj 7 elementniveluloj). Venu aplaŭdi ilin!

**Kie mi estas? Kie vi estas?** Por respondi al ĉi tiu simpla demando Patrick Segur inventis la sistemon Geoloko en 2000. Ĝi dividas la mondon en 18 zonojn, atigante precizecon de 13-cifera kodo, kiu ebligas lokigi objekton aŭ personon en areo de apenaŭ 12 metroj oble 8 metrojn. Por scii pli: www.geoloko.com. Patrick Segur partoptenas en nia 91a U (kn 2193). Se Vi sendas al li vian GPS-adreson (latitudo kaj longitudo), li sendos al Vi perrete Vian Geokodon'n ene de 3 tagoj <patrick.segur@geoloko.com>. Numero Geoloko de s-ro Segur en Parizo: 1.7124.4492.6959. Adreso: 33, rue Galilée, F-75116 Paris, Francio.



**Rat-Man**, "la plej fama vivanta heroo de Marvel", bildstria ridiga (kaj ridega) karaktero inventita de la itala Leonardo Ortolani, povus baldaŭ paroli Esperante. Venu renkonti lin vendrede, de la 14h00 ĝis la 15h00, subteretaĝe antaŭ la enirejoj de salono Lapenna, por konatiĝi kun ĝi, kaj ĝui ĝiajn bildstriojn unuafoje tradukitaj en E-on! *Raportis: Daniele Binaghi, KN 1241*

**Gazetoteko Lanti -** Gazetoteko Lanti funkcias de 2003 kaj ĝi havas la celon havigi al ĉiu esperantisto ie ajn en la mondo, tute senpage virtualajn ekzemplerojn de malnovaj magazinoj. Estos domaĝo, ke post la malapero de esperantisto, familianoj forprenas aŭ malaperigas liajn aŭ ŝiajn librojn kaj magazinojn. Librojn oni reeldonas, sed ne tiel okazas pri magazinoj, kaj tial multaj el niaj magazinoj esperantistaj, kiujn oni produktis per tiom multe da peno kaj malfacilo finfine malaperiskaj estas same kiel ili neniam ekzistis. Se oni vizitas la tt-ejon http://www.gazetotekolanti.com, oni povas denove legi kelkajn malaperintajn magazinojn, kiel "Popola Fronto", farita dum la hispana intercivitana milito, aŭ "Juna vivo" farita en Svislando je la 30-aj jaraj de la lasta jarcento, aŭ "Esperanto Katolika", aŭ "Juna Penso", aŭ "Nia voĉo"..., kaj tiel plu ni pligrandiĝas la kolekton de magazinojkaj ties numeroj. Eblas printi ilin kaj tiel denove rehavi surmane, aŭ krei CD-romon kaj transdoni al geamikoj esperantistaj. Sed plej efike oni povas helpi al nia celo per sendado al zorganto de la Gazetoteko (J. de las Heras, ap. 4461, 30080 Murcia , Hispanio) ekzemplerojn aŭ ties fotokopiojn de tiuj malnovaj (eble unikaj) magazinoj, kiujn ni eble ne atentas. Tion farinte, vi estos protektanto de niakulturo esperanta kaj ankaŭ de nia trezoro. Afable invitas

---

**RADIOAŬSKULTANTOJ.** Iom malfrue sed ĉiam ĝisdate ni raportas pri la kunveno de AERA-radioaŭskultantoj, okazinta pasintdimanĉe. Gvidis la kunsidon Barbara Pietrzak de Pola Radio, kun la ĉeesto de redaktoroj de aliaj 3 radiostacioj: por Radio Kubo, Maritza Gutierrez; por la Itala Radio, Antonio De Salvo; por Radio Vatikana, Carlo Sarandrea. Dum la agrabla renkontiĝo ĉiu redaktoro prezentis la faritan kaj planatan agadon. Evidentiĝis la bezono, ke aŭskultantoj klopodu subteni pli kaj pli la internaciajn elsendojn en E-o, kiuj estas unu el la malmultaj rimedoj por tuja disvastigo de informoj kaj por kontaktiĝi senpere kun Esperanto. Kiel modelan ekzemplon de subtenato oni menciis la oftegajn raportadojn de prof-ro d-ro Rokuro Makabe kaj de aliaj konstantaj aŭskultantoj. Interesa estis la temoj levitaj ankaŭ de la demandoj de la aŭskultantoj, i.a. pri la "institucia" rolo kaj jura etato de ĉiu redakcio. Oni anoncis vastan raportadon pri la 91a UK – samtempe dum la kongresa semajno kaj en la postaj monatoj. Por scii pli pri la elsendoj, viziti la TTT-ejojn de la koncernaj radiostacioj:
**Ĉina Radio Internacia:** http://es.chinabroadcast.cn/
**Itala Radio:** http://www.international.rai.it/radio/multilingue/presentazioni/esperanto.shtml
**Pola Radio**: http://www.radio.com.pl/polonia/eo/
**Radio Kubo:** http://www.cubanoticoj.ain.cu
**Radio Vatikana:** http://www.vaticanradio.org

**Arkivo de elsendoj: http://www.radioarkivo.org**

## lastegaj aliĝoj

2204 S-rino Olivier Dieumegard, Francio
2205 S-ro Giordana Molle, Italio
2206 S-rino Megan Dixon, Italio

***Krome, 55 individuoj aĉetis unutagajn kartojn.***

## Pri la kongreso en gazetaro

**"Toscana Oggi",** regiona semajnaĵo por informado, 30an de julio 2006. Per la titolo "Esperanto, Toskanujo je la centro de la mondo" ĵurnalisto Damiano Fedeli raportas pri la Infana Kongreseto en Prato. La stilo estas sufiĉe pozitiva: la teksto preskaŭ tute estas intervjuo kun unu el la respondeculoj de la IK, Leonardo Pampaloni (kiu eĉ aperas en granda fotografio)

**"Leggo"** (senpaga ĵurnalo, kun paĝoj diversaj en ĉiu itala regiono), **QN La Nazione** kaj **La Repubblica**, publikigis la 31an de julio en la paĝoj pri florenca kroniko la bedaŭrindan sciigon pri kongresano kiu travivis malagrablan akcidenton. La artikoloj klare mencias ke li "estas en Florenco por partopreni en la UK".

Dank' al senlaca agado de esperantisto **Giorgio Bronzetti**, kiu restas en sia loĝurbo Chieti, aperis trideko da artikoloj en pluraj ĵurnaloj, ĉefe en regiono Abruco (centra Italio). La **infanoj de la Kongreseto** estis intervjuitaj de itala ĵurnalistino kiu publikigos artikolon en la itala semajnaĵo **"Oggi"** (legata de pli ol 3 milionoj da personoj ĉiusemajne). La artikolo aperos ĉirkaŭ la 15an de aŭgusto.

Plie, televidoj **La7** (tutlanda) kaj **Canale10** (regiona) elsendis specialajn servojn pri niaj kongresoj. Kun ili, la toskania televidĵurnalo de **RAI3** (tria kanalo de la ŝtata televido). Aldoniĝis pola televidstacio kaj radio de Sidnejo. Ankaŭ kroata katolika informagentejo IKA sciigis pri nia UK.

*Prezidanto Corsetti laŭdegis nian kongresan kurieron: "Samkiel dum la maĵorio de la UK'oj, ankaŭ oldaj, en kiuj mi partoprenis, ankaŭ en Florenco mi povi legi stencilaĵon, kiu, en minca eldono, kapablas redoni, jovial-stile kaj diĝeste, tiom multajn datumojn. Realigi kurieron estas dificila tasko. Mi ĝojas, ke la esperantistoj de Italio, kun la helpo de alilandaj esperantistoj, sukcesis prizorgi ĉion, ekde kompostado. Licas do dankegi al ili".*

La averaĝa eldonkvanto de la FLORENCA LILIO estas 2000 ekzempleroj. Plej altan kvanton oni presigis ĵaŭde, ĉar oni ankaŭ reeldonis

**En www.uk2006.info**
**vi trovos ĉiujn LILIOJN**
**kiuj burĝonis por la UK**

**Memore pri Ada (1996-2006).** Antaŭ 10 jaroj mortis Ada Fighiera-Sikorska. La 7-an de aŭgusto 1996 forpasis en Torino (Italio) Ada Fighiera-Sikorska, honora membrino de UEA, redaktorino dum 35 jaroj de la tiam sendependa gazeto "Heroldo de Esperanto". Por honori ŝian agadon por Esperanto, UEA reeldonis la broŝuron de la edzo "La lastaj tagoj de Ada, Aduŝka". Por pliaj informoj oni povas kontakti jenan ret-adreson: <giancarlo.fighiera@libero.it>

### Por kontakti la redakcion:

- Vi povas VENI al la Gazetara Servo, en Salono Fighiera-Sikorska, teretaĝe, en la kongresejo;
- aŭ Vi povas SENDI retpoŝtan mesaĝon al adreso: <kontaktu-lilion@yahoo.com>
- aŭ Vi povas TELEFONI al itala poŝtelefono: (+39) 338 860 20 84. Al ĝi Vi povas sendi ankaŭ SMS'n.

Por la realigo de ĉi tiu 5a Lilio, kunlaboris Giovanna Licciardello, Carlo Sarandrea kaj Marija Belošević

## Ĉu parencoj?

**Brian Moon (KN 381)** **kaj** **Giuseppe Verdi,**






LASTA NUMERO!

N-ro 6 - 2006.08.05

# Florenca Lilio

KURIERO DE LA 91A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Popola kanzono de Florenco diras: "Alportu kison al Florenco" (peto de migranto kiu estis for de sia amata urbo). Ni, kiuj lernis ami ĉi tiun urbon, rajtas forporti la saman kisegon al nia loĝlokoj, kontentaj pro la kongreso, sed ĉefe pro la fakto ke Esperanto ankoraŭfoje sukcesis unuigi homojn el plej diversaj landoj. *Arrivederci!*

## "FORPORTU KISEGON EL FLORENCO"



---

## Kongresa Rezolucio

**La 91a Universala Kongreso de Esperanto**,

kunveninta en Florenco (Italujo) kun 2206 partoprenantoj el 62 landoj,

**konstatinte,**

– ke la Jardeko de Edukado por Daŭropova Evoluigo 2005 – 2014 estas grava kadro por iniciatoj cele al evoluo kiu estu socie dezirinda, ekonomie vivkapabla, kulture taŭga kaj ekologie daŭrigebla,

– ke nuntempe ekzistas gravaj minacoj kaj al biodiverseco kaj al kultura kaj lingva diversecoj, pro la reciproka dependeco inter la homo kaj la naturmedio,

– ke la nuna superrego je monda skalo de unu lingvo havas maltrankviligajn ekonomiajn, sociajn kaj edukajn efikojn koncerne daŭropovecon, lingvan ekologion kaj la rajton je komunikado.

– ke la strebado de la Esperanto-movado al lingva demokratio kongruas kun la valoroj de transnacia edukado celanta informitajn, aktivajn civitanojn kiuj estu kapablaj kritike kompreni sin mem kaj la ĉirkaŭan mondon por partopreni la evoluprocedon respondece kaj solidare.

**Alvokas**

la Esperanto-komunumon aktive engaĝiĝi en la agadoj kiuj, sur diversaj niveloj, strebas antaŭenigi praktikojn koherajn kun la principoj de la bezonata ŝanĝoprocezo, kaj utiligi siajn lingvon kaj retojn serve al tiuj klopodoj.

**Rekomendas**

al la Estraro de UEA doni al la ĉi-rilataj problemoj pli da atento en estontaj kongresoj kaj agadoj, partnere kun neesperantistaj organizaĵoj.

**Konfirmas**

la pretecon de la Esperanto-komunumo kunlabori kun Unesko kaj aliaj organizaĵoj cele al tutviva edukado por paco, socia justeco kaj kultura diverseco, kaj atentigas ilin pri la lingva aspekto de daŭropova evoluigo.

**Florenco, 2006. 08. 04**

La Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2008 okazos en Roterdamo, okaze de la 100-jariĝo de UEA.

## Okazis...

**VETERANA ESPERANTISTA KLUBO -** Dudeko da kongresanoj ĉeestis la kunsidon de VEK vendrede, 4-an de aŭgusto, por aprobi novan statuton kaj elekti la estraron. Laŭ la statuto, tiuj kiuj esperantistiĝis antaŭ minimume 40 jarojn rajtas aniĝi. La nova estraro estas Diccon Masterman (prezidanto), Lucy Harmon (vic-prezidanto) kaj Michela Lipari (sekretario). La kotizo estas libervola, sed la rekomendita kotizo estas tiu de Membro kun Gvidlibro de UEA. Informoj pri la agadoj de VEK estos publikigitaj de Biblioteko Hector Hodler kaj kotizoj estas pageblaj al la kasisto de UEA. Aliĝemuloj kontaktu UEA'n aŭ la sekretarion (KN 99). La plej malnova esperantisto kiu aliĝas, havos la honoran titolon "Dojeno". *Raportis Diccon Masterman*

**Dante kaj Ĉeĥov -** Post la spektaklo de Giuliano Turone, ĉiuj spektaktoj entuziasme opiniis, ke ĝi en si mem, eĉ se estus la sola kongresa programero, sufiĉus por pravigi la partoprenanton en la Florenca U.K. Envere, la aktora kapablo, la varieco de la artismo kaj la evidenta erudicio de la monologa prezentisto indus honoran lokon en kiu ajn renoma nacia teatro. La publiko ridis ĝis larmoj, kiam Giuliano Turone mimike deklamis en pluraj lingvoj la unuajn versojn de la "Komedio" de Dante, imitante diverslandajn stereotipaĵojn. Tamen, la ridoj ne povis kaŝi la vualitan lecionon pri kompara tradukanto, en kiu elstaris la esperanta versio de la "Infero" en la plumo de Kalocsay. Tute alie aspektis la klasika unuaktaĵo de Anton Ĉeĥov "Pri la malutilo de la tabako": humuro kaj drama sinkonfeso tiel interplektiĝas en la verko, ke nur unuaranga aktoro kiel Giuliano Turone povis transiri de unu gamo al alia, libere, flue, teatrece. *Raportis: GCF*

**Komitato de UEA kunsidis -** La Komitato de UEA kunsidis dum tri intensaj horoj vendrede matene. Dum tiuj horoj ĝi traktis proponojn kaj rekomendojn el ĉiuj ok subkomitataj kunsidoj, faris ŝanĝojn kaj decidojn. Laŭ rekomendo de la komisiono pri statuto de landaj kaj fakaj asocioj, la Komitato akceptis du novajn landajn asociojn kaj kunlaborantajn kontraktojn kun du fakaj asocioj: Unuiĝo de Malagasaj Esperantistoj, Nepala Esperanto-Asocio, Eŭropo Demokratio Esperanto, Rondo Kato. La Elekta Komisiono informis pri sia laboro, ĉar la venonta jaro estos elektojaro. Rezolucion oni prezentos en la fermo sabate. Fine, la estraro invitis al Komitata kunveno en Jokohamo en aŭgusto 2007. La Komitato estas la supera organo de UEA, kun reprezentantoj de landaj kaj fakaj asocioj. *Raportis: Ulla Luin, KN 81*

**MAURO NERVI LEGAS DANTE**

Laŭdante Dante, Nervi bravas,
klarige kiel Dio savas
kaj por Paradiz' sufiĉe
estas ami Beatrice
- Laŭ Dante.

Beatrice riĉe lumas;
enh kontemplo ŝi brilumas.
Viaj vortoj, kara Mauro,
meritas je beata laŭro
- beat-riĉe.

*Humphrey Tonkin*

**Kunveno de I.K.E.K.** okazis en salono Stoppoloni vendrede je la 11a horo. Ariĝis ĉ. 40 scivolemuloj, prezidis la kunsidon Stan Keable prezidanto de I.K.E.K. Estis farita rezolucio pri la milito de Israelo kaj politika situacio en meza oriento. Aldone leviĝis voĉoj el aliaj kontinentoj Ameriko, Afriko kaj Azio. *Raportis D. Rooke, KN 257*

**MIRINDA KONCERTO** ravis ĉiujn homojn kiuj partoprenis la junularan programon per la orelfrapa muziko de Dolchamar, finna rokgrupo. La tutan areon okupis verdokulaj esperantistoj kiuj post la vingustumado furore ĝuis la amasan dancadon kaj kantadon. "Mi ŝategis ĉi-jaran junularan programon kaj certe intencas veni al venonta IJF ĉar italoj havas vere bongustegan vinon kiu neprigos mian ĉeeston dum la sekvontaj dek jaroj en Italio!!!" asertis ĉarma litovino ĉe niaj mikrofonoj. "Ankaŭ la ekskursoj, ĉefe tiu al la maro, estis tiel bone organizitaj kaj sekve tiel sukcesaj, ke mi sentas devige gratuli al LKK pri junularaj aranĝoj, kaj ĉefune al Daniela kaj Francesco" kriis Nicola, IEJ-prezidanto, dum koncerta saltado en Villa Camerata, ĉefurbo de Junesperantio.

## Invitoj

**Grava atentigo por la dumkongresaj fotistoj kaj filmistoj -** ĉiuj el vi estas petataj sendi DVD de viaj artaj selektitaj laboroj al ARCOIRIS TV, Via Curtatona 5/2, IT-41100 Modena, Italio (al atentigo de d-ro Rodrigo) kiu pretas senpage enmeti kaj publikigi ilin en propra Esperanto-Sekcio. Oni eblas rekte enigi la dosierojn per: ftp://ftp.arcoiris.tv. Nomo: avi - Pasvorto: avi. La arkivo de Arcoiris TV estas akirebla de hejma komputilo kaj taŭga informilo por nia Internacia Lingvo favore de la vasta publiko. http://www.arcoiris.tv

**Rompiĝemaj ostoj** / Osteogenesis Imperfecta. Mia edzino (KN 2202) vivas kun rompiĝemaj ostoj, la tipo estas III, ŝi estas malalta kaj devigata uzi rulseĝon. Ŝi laboras kiel sekretariino ĉe Svisa registara pri-forsta (arbaroj) oficejo, kvankam ŝia nacieco estas itala. Dum mi (mem kuracisto) oficis kadre de OIFE, la eŭropa tegment- organizaĵo pri "Osteogenesis imperfecta" (=OI) kiel la Svisa delegito ĝis 2003-a jaro, mi konstatis, ke la multaj lingvoj de Eŭropo ankaŭ malhelpadas en OIFE la kunlaboron. Dum tia UK en varma etoso, oni ne kredus, ke estas maloftaj la Esperantistoj en la mondo. Homoj kun la handikapo OI estas ankaŭ tre maloftaj kaj malpli facile troveblaj. Tre ege mi ŝatus konatiĝi rekte kun OI-uloj, kiuj scipovas lingvon internacian por interŝanĝo pli senpera de informoj ol per lingvo Angla (nura laborlingvo ĉe OIFE) kaj por eventuala nova enkonduko de ESPERANTO-FAKO ĉe OIFE. Se vi konas personon kun OI, bonvolu transdoni tiun-ĉi gazet-eltranĉon el Florenca Lilio al ŝi/li - Dankon. Aŭ vi mem helpu min komuniki kun vialingvulo kun OI per nia lingvo (- vi traduketu por iu OI-ulo, kiun jam mi konas, sed ne povas bone interkompreniĝi sen Esperanto: jam mi bezonas pri lingvoj japana, kroata, portugala). Esperantistoj trovos pri Simonetta kaj mi detalojn ankaŭ en Pasporta Servo 2006, Svislando, urbo Berno, sed tie intence mankas mia retadreso, ĉar mi nur malofte kontrolas. Bonvolu doni al mi detalojn pri vi, mi telefonvokos aŭ (ret-)leteros al vi. Atentu: mi estas for, pro italaj UK kaj ferioj, ĝis 2006-08-08. Telefono +41 31 911 64 72 (bonvolu paroli al respondilo). Neniam sendu retpoŝte pli ol 50 kB

<ueli.haenni@swissonline.ch>

**Vendrede en “Fortezza da Basso” la internacia arta vespero bone sukcesis.**

Ĉiuj kontinentoj estis reprezentitaj. Sub la reĝisorado de Alan Bishop kaj Mireille Grosjean kaj per la prezentado de Katalin Kováts, Jill Gubbins kaj Fabrizio Pagliaroli aŭdiĝis literaturo, muziko, kantoj; oni spektis teatran monologon (kiel ĉiam aminda kaj aŭskultenda estis artistino Vida Jerman) kaj dancojn. Senpeka kaj rava estis la prezento de Andrej Korobejnikov, kiu estis ĉirkaŭita de kortuŝa noto: la dediĉo al la infanoj de Beslan *(placeto fronte al Fortezza da Basso estas titolita al ili).* Intensajn notojn eligis el sia fluto Lidija Gomolickaite-Grudzinskaite. Plenigis la okulojn per mil koloroj la kostumoj de niaj aziaj samideanoj. El Koreio venis la dancado de Hortensio kaj kvaropo el Japanio dancis por ni, por ke ni antaŭgustumu la etoson de la venonta UK. Originalan version de la Himno prezentis “flamenco”-stile artisto Solo, dum la Himno al la ĝojo (eŭropa himno) estis komence de la vespero ludata de la “Internacia Koruso”. Pri ĉi-lasta: por la unua fojo ĝi prezentis la E-lingvan komponaĵon *“In terra pax”* (“Estu paco surtere”), kies teksto ligas la vortojn de la Betlehema anĝelo al la interna ideo de Esperanto kaj plue al la memkompreno de la kongresurbo, kies skabeno pri sporto kaj internaciaj kulturaj eventoj honorigis la kongresanojn esti “kunhelpantoj en la pacaj celoj de Florenco”. Akompanis piane Irina Mirinova, gvidis la komponisto mem, Rössler, kiu spontane estis transpreninta la taskojn de ĥorestro dum tiu ĉi kongreso. Aliaj notindaj kaj lertaj artistoj kiuj kontribuis al la sukceso de la vespero (ekz.: Natalja Kasymova el Taĝikistano/ Germanio kaj tenoro Jean Thierry Van Büren).

). Du finaj surprizoj estis la kantado de “Funiculì, funicolà” (ĝi estas kanzono de urbo Napolo, neniel rilatanta kun Florenco, sed ne gravas) kaj kantoj de niaj samideanoj el Nepalo.

Dum la vespero interplektiĝis la de temp’ al tempa prezento de sonetoj de Giuseppe Gioachino Belli (dialekta poeto de urbo Romo, Italio, vivinta en la 19a jc.), tradukitaj en esperanton interalie fare de la nova honora membro de UEA, Umberto Broccatelli. Unu el la prezentitaj sonetoj estis ekzemplo de elstara traduko, ĉar la originala poezio havas ĉiujn rimojn per –ski. Tio donis la okazon al Carlo Sarandrea (kiu prezentis la sonetojn) por inviti la ĉeestantojn al “ski-ado”: (bona ideo dum varmega vetero): la publiko eldiris laŭte ĉe ĉiu verso-fino “ski”. Post tio, okazis hazarda sed brila koincido: la posta artisto havis nomon kiu finiĝas per “-ski”.

**Giuseppe Gioachino Belli,**
**romdialekta poeto de la 19a jc.**
**SEN TITOLO**

Zenajde, graf-edzino de Volkonski,
vi volas igi min danĝere riski,
oni provos al mi telerojn diski
ĉar neniu kapablos min agnoski.

Mi lernis versi sed ne arabeski
kaj devas ofte min protekte maski,
ĉar mi vidas bastonojn min embuski
kaj devas fuĝi for por ne groteski.

Mi nur en Romo povis daŭre kreski,
kaj do ne povas vorte ŝajn-etruski
kiel vi aŭ sinjoro Viaseski.

Sufiĉas! Venis tempo nun ektaski
por fine viri kaj ne nur moluski
kaj sekve ĉu karesmi, ĉu eĉ paski.
*trad. Renato Corsetti*

## LA U.K. FINIĜIS, VIVU LA U.K.




**Jen estas la bonveniga saluto de la urbestro de Jokohamo, gastigonta la 92an UK** (laŭ la traduko de la LKK por la 92a UK)

**Al la partoprenantoj de la 91a Universala Kongreso de Esperanto**

Gratulon pro la 91a Universala Kongreso de Esperanto, mi sendas al vi reprezentante la urbanojn de Jokohamo, Japanio.

Jokohamo, ekde la malfermo antaŭ 147 jaroj, ĝuadis reputacion je internacia urbo, kun bela haveno kaj verdoplena naturaĵo.

Post la ekesto de “Pacifiko Jokohamo”, la konferencejo je la pinta nivelo en Japanio, ni gastigis diversajn kongresojn kaj eventojn, inkluzive de la finalejo de la Monda Futbala Ĉampioneco en 2002, kaj tiel ni gastigis multajn el la tuta mondo.

En Jokohamo estas krome kvartalo nomata Minato-Mirai (Futur-haveno), 21 kulturaj heredaĵoj, japaneska ĝardeno nomata Sankei-en kun la harmonio de la historiaj konstruaĵoj kaj ĉiusezonaj naturaĵoj. Ni ankaŭ havas Ĉinan Kvartalon, plej grandan en la mondo, kaj aliajn butikumejojn, kiuj promesas al vi vivon ĝuendan post la kongresaj horoj.

Kiel vi bone scias, en 2007, la Universala Kongreso, duafoja en Japanio, okazos en tiu ĉi urbo Jokohamo.

Ni kiel gastiganta urbo, kore bonvenigas la Kongreson, kaj ni esperas, ke la Kongreson vi partoprenos, kaj ke Vi ĝuu interkompreniĝon kun jokohamanoj.

Ĝis la renkontiĝo en Jokohamo, **NAKATA Hirosi, la Urbestro de Jokohamo- La 25an de Julio, 2006.**

## Leteroj

Estimataj prizorgantoj de Florenca Lilio, el Reykjavik, Islando mi sendas al vi miajn varmajn salutojn kaj gratulojn pro via bonega laboro por la Kongresa Kuriero. Ĝi estas kaj tre informa kaj lingve elstara. Mi legas ĝin ĉiutage kaj tiel povas trasenti la kongresan etoson. Tre kore, **Baldur Ragnarsson.**

Saluton! Bedaŭrinde mi ne havis okazon partopreni en la UK en Florenco, sed estis granda plezuro por mi ektrovi ke mi havas eblecon rete legi pri la kongresaj okazaĵoj de mia loĝloko en Svedio en la Lilio! Dankon pro tiu ebleco kaj via bona laboro! Amike salutas, **Sten Svenonius, Malmö, Svedio**

## lasteĝaj aliĝoj

2207 S-rino HU Nan, Wu hen jon an gu, Xu zhou xin cun 287-2, Ĉinio
2208 S-ro PENG Nian, Meiyuanxiaogu 201-3-2, Wuhan, Hubei, Ĉinio
2209 Bebo AQUILINA Cristiano, Vicolo degli orti 12, I-05035 Narni TR, Italio

## Pri la kongreso en gazetaro

En la pasinta LILIO-numero ni raportis pri la intensa agado de esperantisto **Giorgio Bronzetti,** kiu, per la gazetaraj komunikoj de la informagentejo DISVASTIGO, de li gvidata, sukcesis aperii multajn gazetartikolojn pri E-o kaj la UK. Jen manpleno da ili:

**4/8/06 Abruzzopress** - Raporto de prof-rino Colacicchi de urbo Pescara, dum la UK (instruo de la fremdaj lingvoj en la italaj lernejoj)

**4/8/06 Abruzzo Oggi** – U.K.: pri Esperanto oni parolas ankaŭ la Pescara-dialekto.

**4/8/06 La Cronaca d'Abruzzo** Herzberg, Urbo de Esperanto

**3/8/06 Il Piccolo d'Abruzzo:** Herzberg, Urbo de Esperanto

**2/8/06 Abruzzopress:** En Florenco studotago dediĉita al Bruno Migliorini

**2/8/06 TarantoFuturo:** En Florenco studotago dediĉita al Bruno Migliorini

**1/8/06 Il Piccolo d'Abruzzo** kaj **TarantoFuturo** kaj **Abruzzopress:** el la UK de E-o laŭdo al la lingvoj

**31/7/06 Il Piccolo d'Abruzzo:** En Florenco studotago dediĉita al Bruno Migliorini

**Malpozitiva anglalingva retartikolo** estas tiu kiu aperis anglalingve la 2an de aŭgusto je:
http://www.spot-on.com/archives/martinelli/2006/08/esperanto_lost_in_translation.html

**En www.uk2006.info**
**vi trovos ĉiujn LILIOJN**
**kiuj burĝonis por la UK**
se la adreso ne validus, provu:
www.ikue.org/uk/uk01.pdf
www.ikue.org/uk/uk02.pdf
www.ikue.org/uk/uk03.pdf
www.ikue.org/uk/uk04.pdf
www.ikue.org/uk/uk05.pdf
www.ikue.org/uk/uk06.pdf

**Por la realigo de Florenca Lilio, kunlaboris:** Carlo Sarandrea, Marija Belošević, Diccon Masterman, Giovanna Licciardello, Gianluca Campanella. Ili transdonas la torĉon al la venontjaraj redaktoroj, kun multe da sinceraj bondeziroj kaj salutoj, petdezirante ke ilia laboro estos same ĝojiga kaj interesa, kiel estis la nia!

*La plej juna kongresano estis CRISTIANO AQUILINA, 2-monata, KN 2209, en ĉi tiu foto dormanta inter la brakoj de sia patro Gabriele. Kisegon al li!*



## ĉu parencoj?

**Ken Price (KN 186) kaj John Malkovic, usona aktoro**









**Indre Pileckyte (KN 1869) kaj Laetitia Casta, franca modelulino**

***FINO (ĉu???)***